# Etnismo

ISSNO93

N-ro 91 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.06.2013

SOYONS UNIS!... FLAMANDS, WALLONS,
CE NE SONT LÀ QUE DES PRÉNOMS,
BELGE EST NOTRE NOM DE FAMILLE!

DE KROONE

*Kiu estonto por Belgio?*
*p. 4*



# EN TIU ĈI NUMERO:



**Kovrilpaĝaj fotoj:**
El Vikimedio:
Kafejo *De Kroone*, *Kuurne*, Belgio, aŭtoro: *Zeisterre*.
Kafejo *Taverne de l'hôtel de Ville*, *Le Roeulx*, Belgio, aŭtoro: *Jean-Pol Grandmont*.

**Traduko de la moto:** «Ni estu unuigitaj!... flandroj, valonoj, tio estas nur personaj nomoj, belgo estas nia familia nomo!»


**Informilo pri etnaj problemoj**
La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas *Etnismo*-n sen krompago, normale 2 kajerojn de minimume 36 paĝoj. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en *Etnismo* ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.



**ESTRARO:**
**PREZIDANTO: Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com; etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
48 postakutxa. 20400 Tolosa. Gipuzkoa. Eŭskio/EH
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com

**KASISTO: Llibert Puig** (kataluno)
Güell i Ferrer 223-1, ES-08203 Sabadell, Catalunya
tel: ++34-937109636, retadreso: l.puig@esperanto.cat

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024
Ŝupaŝkaro, Ĉuvaŝio-Rusa Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat

**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO: KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO,**
poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org


**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "tria-monda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en *Etnismo*!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6

**Venonta redaktolimdato:**

**30-an de septembro 2013**

# ELDONISTA BILETO

## SED KIU VERE SUBTENENDAS?



Vikimedio, 31.01.2012, *Magharebia.*

**La tuaregaj sendependistoj asertas, ke ilia sendependiĝa deklaro ne fermas la pordon al dialogo.**

Unu el la celoj de **IKEL** konsistas el «interveno ĉe lokaj, regionaj, ŝtataj kaj internaciaj institucioj kaj aŭtoritatoj por forigi diskriminacion kontraŭ etnoj». Nemalofte, antaŭ jaroj, la **IKEL**-estraro sendis leterojn al ambasadoj, registaroj… ĝuste por apogi aŭ certigi la rajtojn de tiu aŭ alia etno. Eble guteto en la maro, sed tamen tutcerte utila klopodo. Lastatempe oni riproĉis al ni, ke ni tion ne plu faras. Fakte ne tute veras; ekzemple antaŭnelonge ni kontaktis la firmaon Unikodo, por ke ĝi enmetu novajn karaktrojn, kiuj ebligus pli facile tajpi tekstojn en multaj minoritataj lingvoj de Ruslando – ĉu kiril-, ĉu latin-alfabete. Ni plu atendas novaĵojn koncerne tiun agadon, bone konsciante pri la kontraŭstaro de ĉiam malpli demokrata reĝimo en tiu lando.

Foje oni informas nin pri precizaj agoj subtenendaj, sed ne malofte mankas kontroleblaj faktoj, povas eĉ temi pri malveraĵoj, se ne ŝercoj aŭ kaptiloj. Kiom eta nia asocio estu, ni provas agi serioze, fidinde, do prudente.

Jen preciza ekzemplo pri graveco de prudenta sinteno: en januaro 2012 tuaregaj ribelantoj de MNLA (*Mouvement National pour la Liberation de l'Azawad /* Nacia Movado por Liberigo de *Azawad* – norda, dezerta parto de Malio) atakis garnizonojn de la ŝtata malia armeo, kiu post pliaj malvenkoj devis fuĝi suden. La 6an de aprilo 2012, MNLA proklamis sendependecon de *Azawad*, iniciato tuj kondamnita interalie de la okcidentafrikaj same kiel de la EU-landoj. Tamen, gravaj asocioj, eĉ politikaj partioj, principe favoraj al la etnaj rajtoj – mi preferas ilin ne nomi – tuj apogis tian deklaron. Ja ankaŭ **IKEL** delonge favoras la tuaregojn kiel malrespektatan malplimulton (vidu i.a. la n-ron 81 de 2007); kaj, verdire, mi persone tre aprezis tiun deklaron, faritan surfone de belegaj *tifinagh*-literoj; en la franca versio de la proklamo oni asertis, ke tiu nova ŝtato tute ne iĝos integrisme islama, eĉ estos laika kaj pluretna. Sed mi provis informiĝi, jam bone sciante, kiel tre multaj, de kie venis la armiloj. MNLA kreiĝis fine de la jaro 2010 kaj frue alianciĝis interalie kun MPA (*Mouvement Populaire de l'Azawad /* Popola Movado de *Azawad*), entute salafisma movado. Kaj tre rapide MNLA estis superregata de samspecaj movadoj – *Ansar Dine, AQMI, MUJAO* – kiuj lastatempe terure krimis kontraŭ homoj kaj kulturaĵoj en la tuta *Azawad* kaj precipe en ties plej grandaj urboj – *Gao, Kidal* kaj *Tombouctou*. Ja ekstera interveno estis necesa kaj ne multaj etnistoj ploros pri la malapero de integristaj batalantoj de sankta milito. Sed kio poste? Jes io estas tute apogenda: la paciga komisiono, starigita de la malia registaro, kiu provas restarigi normalajn rilatojn inter la «blankaj» ribelemuloj de la nordo, tamazig- kaj arablingvaj, kaj la «nigraj» loĝantoj de la sudo. Sed tio ne signifas, ke tuaregaj kaj pli vaste nomadaj rajtoj devas esti forigitaj: ili ja troviĝas baze de plujardeka konflikto. Nun venas momento serioze okupiĝi pri tiu problemo, kaj eble ankaŭ **IKEL** sendos sian modestan kontribuon al tiu nepre necesa procezo.

*Alain Favre*

Kevin de Laet

# KELKAJ DETALOJ PRI BELGIO

## DUA PARTO

En la numero 90 de ***Etnismo*** (p. 3 - 10) vi povis legi la unuan parton de tiu ĉi artikolo, kiu naskiĝis kiel prelego dum la Kataluna Esperanto-Kongreso okazinta en aŭtuno 2011. Tiu unua parto iom rapide enkondukis la leganton en la nunan politikan situacion de Belgio kaj pli profunde eniris la historion de la "Malaltaj landoj" ekde la kelta/praĝemana epoko al la romia. Ĝi poste trairis la historion de la Sankta Romia Imperio por alveni al la *Plackaet van Verlaelinghe*, la Akto de Froneo en 1581, vera deklaracio de sendependeco de la Nederlandoj konsistantaj el aliancitaj nordaj provincoj, la Utreĥta Unio, kiuj batalis kontraŭ la hispana okupacio. La unua parto de tiu ĉi artikolo haltis en 1790 kiam, post liberiĝo de sub la aŭstria regado, nova registaro oficiale proklamis respublikon sub la estro de *Hendrik Van der Noot*.
Dum la unua parto de la artikolo donis la necesajn historiajn bazojn, tiu ĉi parto komprenigas la nunajn lingvajn kaj politikajn problemojn de Belgio.

### DE REVOLUCIOJ AL NOVA MONARĤIO

La nova respubliko elektis la brabantajn kolorojn por nova flago: nigra, flava kaj ruĝa. Tiu flago estis horizontale trikolora, simile al la nederlanda flago (kaj al la nuntempa germana, sed tio ne rilatas). Alia rimarkinda afero estas la nomo de tiu nova respubliko - aŭ pli bone la nomoj: ambaŭ formoj, Unuiĝintaj Nederlandaj Ŝtatoj kaj Unuiĝintaj Belgaj Ŝtatoj, estis uzataj. La plej radikalaj revoluciuloj celis fakte kunigon kun Nederlando.

Ĝis nun, unu lando en la "Nederlandoj" tute ne aperis en nia historio: la princepiskopejo Lieĝo. Ĝi restis aŭtonoma lando sub la Sankta Imperio. Ankaŭ Lieĝo estis feŭda lando. Ĉirkaŭ 1789, kritikemaj voĉoj kontraŭ la tre konservema princo-episkopo laŭte sonis. Kiam la novaĵo pri preno de Bastilo venis el Francio, ribelo komenciĝis en urboj de la princepiskopejo. La princo-episkopo devis forlasi la landon, kaj la 31-an de aŭgusto la civitana lieĝa registaro oficialigis novan konstitucion. Tiel komenciĝis la Lieĝa Revolucio, kiu multe similis al la Brabanta Revolucio.

En Belgio, la konservemuloj kaj la liberaluloj kuniĝis pro komuna malamiko, Jozefo la Dua, sed




Brabanta Revolucio.

verdire tiu malamiko estis la sola afero komuna. Pri preskaŭ ĉiu alia temo ili malkonsentis. Do la registaro estis tre malstabila. Ironie, la konfliktema situacio en la Sankta Imperio (kie Prusio kaj Aŭstrio ambaŭ aspiris al la povo) iomete garantiis sukceson de la Brabanta kaj Lieĝa Revolucioj. Prusa armeo venis por okupacii la urbon Lieĝo, tiamaniere fakte protektante ambaŭ revoluciojn kontraŭ Aŭstrio. La tuta situacio certe rezultus en grandskala milito inter Aŭstrio kaj Prusio, sed la Franca Revolucio finfine iĝis pli granda problemo, kiu instigis Prusion kaj Aŭstrion trovi komunan agendon kontraŭrevolucian. En julio 1790 la du potencoj subskribis la Traktaton de *Reicherbach*, kaj unu el la rezultoj estis ke Prusio forlasis Lieĝon. La du respublikoj tute ne havis monon por sin defendi, kaj Aŭstrio povis finfine, relative facile, forigi la revoluciajn registarojn. En novembro la provincoj estis denove okupaciitaj unu post la alia.

Do tiel malaperis la "unua Belgio", sed la "ideo" ne plu malaperis.

Kelkajn jarojn post la falo de la belga kaj lieĝa respublikoj, la franca armeo revolucia okupaciis la du landojn. Eks-revoluciuloj tre aplaŭdis tion. En junio 1794 la aŭstria armeo devis foriri, kaj la tuta landaro ekestis franca.

Kiam la Brabanta Revolucio okazis, la revolucianoj kiuj partoprenis havis propran belgan ideon de Nacio, kiu estu multlingva (nederlanda, franca kaj germana). Sub la franca registaro, la ideo de modernismo kaj respublikismo multe "franciĝis". La burĝa klaso pli kaj pli konsideris la francan lingvon la nura taŭga lingvo por Belgio. En 1798 flandraj kamparanoj provis ribeli kontraŭ la franca registaro, sensukcese, sed pro tiu "konservema" ribelo kontraŭfranca, la revoluciema burĝaro plie sin konsideris "franca" (do "moderna").

La franca ideo de Nacio estis tre centrisma, jakobenisma kaj nur unulingva. Sub Napoleono, la ŝtatstrukturo de la okupaciitaj Nederlandoj estis re-

organizita (ekzemple Brabanto kaj Flandrio estis dividitaj en plurajn provincojn administrajn kaj la ŝtatpovo pli centrigita). Tiuj ŝanĝoj grandparte restis post la falo de Napoleono.




Adapto de vikipedia mapo, kreita de *OwenBlacker*.

**Unua Franca Imperio kun tiama Belgio kaj Brabanto.**

En 1815 Napoleono perdis la batalon de *Waterloo* (Vaterlo), vilaĝo apud Bruselo, kaj la revolucia Francio malvenkis en la milito. Por certigi la malvenkon de Francio kaj de la revolucio, la eŭropaj potencoj kreis novan ŝtaton norde de Francio, la Unuigitan Reĝlandon de la Nederlandoj. Ties estro estis Vilhelmo la Unua, denove Vilhelmo el la dinastio de *Orange-Nassau*. La teritorio de tiu lando estis grandparte la antaŭaj Nederlando, Belgio kaj Lieĝo.

Kvankam reĝimo laŭ "antikva" modelo, la juna ŝtato necese jam estis pli moderna, ĉar la nova reĝo Vilhelmo bezonis subtenon ekonomian de la burĝaro. Li fakte multe instigis la kreskon de industrio en la suda landoparto, tiel multe ke li ricevis kritikojn de norduloj pro sia ekonomia politiko "favoranta la sudon". Interalie li fondis la antaŭulon de la Ĝenerala Societo de Belgio (*Société Générale de Belgique*), gravan ekonomian "fundamenton" de la estonta belga ŝtato. Tiu GS estis banko laŭ la modelo de la franca *Société Générale*, investobanko por subteni la industrion.

Lingvopolitike, kontraŭe al la francaj jaroj, Vilhelmo subtenis la nederlandan lingvon, kiu estis la unua oficiala lingvo de la ŝtato. Lingvokonflikto rezultis: ne nur la valonoj parolis la francan (aŭ almenaŭ valonajn dialektojn), sed ankaŭ la burĝa klaso en Flandrio estis francparolanta (ilin oni nomis "franskiljonoj"[1]). Ekzemple Vilhelmo nederlandigis la universitatojn en la flandraj urboj, kio furiozigis la "franskiljonojn".

Dum 15 jaroj la antagonismoj inter la nederlanda registaro kaj la belga burĝaro kreskis. Plejparte tiuj konfliktoj estis ekonomiaj, kun impostoj kiel kutimaj diskutpunktoj. La industria revolucio ekinta en Britio venis al la kontinenta Eŭropo unue tra Belgio, kaj tio rapide kreskigis la povon de la industrikapitalisma burĝaro, sed aliflanke ankaŭ aperis nova klaso: la industria proletaro. Por ĝi la situacio ne estis tre bona.

## BELGIO KAJ ĜIA LINGVOKONFLIKTO

La jaro 1830 estis revolucia jaro en tuta Eŭropo: en Parizo popola ribelo forigis la reĝon Karolo la Deka, en la itala duoninsulo oni ribelis kontraŭ Aŭstrio, Irlando ribelis kontraŭ Britio, Pollando kontraŭ Rusio, ... Vilhelmo de Nederlando estis unu el la ekonomie plej progresemaj ŝtatestroj, sed politike tre konservativa.

Li ankaŭ favoris protestantismon, kion la katolika sudo ne ŝatis. Do ribelaj sentemoj ne povis ignori Belgion.

Laŭ oficiala belga historio, la revolucio ekis dum operospektaklo en Bruselo (temis pri La mutulino de *Portici*), post kiu la spektantoj ekkriis *liberté*! (liberon!) kaj komencis kvereli. Tio tamen estas dubinda, ĉar nur riĉuloj povis pagi por opero, kaj ili ne estis homoj kiuj kverelas sur la stratoj. Sed supozeble ĉiu lando bezonas proprajn simbolojn kaj mitojn. Ĉiukaze ja estis ribelo de la malriĉuloj, kiuj fakte kontraŭstaris la burĝaron, kaj ne pro naciaj kialoj sed pro ekonomiaj. Tiu ribelo estis tiel danĝera ke la burĝaro, kiu laŭdire komencis la revolucion, mem organizis civitanajn brigadojn por subpremi la popolajn agadojn. La burĝa klaso tiel sukcesis transformi la (sen)laborulan insurekcion al naciisma insurekcio. Bruselo kaj Lieĝo estis la centroj de tiu



Vikimedio.

**Ribelaj eventoj de septembro 1830 en Bruselo, pentraĵo de *Egide Charles Gustave Wappers*.**

revoluciema “belga” agado.

Fakte la unuaj revoluciuloj en Bruselo kaj Lieĝo portis ne la belgan flagon sed la francan. Eŭropaj landoj intervenis por eviti ke la belgaj provincoj iru al Francio.Certe Anglio timis tion, ĉar Napoleono nur du jardekojn antaŭe priskribis la havenon de Antverpeno kiel “pafilon direktitan al Londono”. Se Belgio ekapartenus denove al Francio, tio certe kaŭzus novan militon en Eŭropo.




Do la revoluciuloj komencis pensi pri sendependa belga ŝtato simila al la antaŭa respubliko de 1789. Ili denove ekuzis la flagon de la Brabanta Revolucio (nigran, flavan kaj ruĝan), sed oni metis ĝin vertikale anstataŭ horizontale por pli similigi ĝin al la franca flago. Vilhelmo sendis armeon por kontraŭbatali la revolucion, sed la franca armeo venis por subteni la novan belgan registaron.Finfine en 1839, sub la premo de eŭropaj intertraktoj, Vilhelmo akceptis la sendependan belgan ŝtaton – sed li ankoraŭ sukcesis repreni parton de Limburgo kaj Luksemburgo (kiel montras la supra mapo).

La nova ŝtato estis relative progresema kaj liberala. La konstitucio protektis la liberecon je politika esprimo (pro tio *Karl Marx* loĝis en Bruselo plurajn jarojn) kaj la liberecon de komerco. Ekzistis iu formo de demokratio, sed tiutempe en Eŭropo kutime aplikiĝis la sistemo de voĉdonrajto laŭ pagitaj impostoj: ju pli oni pagis, des pli da “voĉoj” oni havis. Tio signifis ke nur 2 % de la belga popolo rajtis voĉdoni (kaj tio restis ĝis 1893). Rajtis voĉdoni ĉefe franclingvanoj. La belga ŝtato praktike estis unulingve franca, kvankam la plejmulto de la loĝantaro parolis nederlande.

Nun necesas klarigi la evoluon de la nomo “Flandrio”. Flandrio ĝis tiam estis graflando, kiu geografie ne vere rilatis al la nuntempa “Flandrio”. Ĝi staris apud la duklando Brabanto. La hodiaŭa provinco Limburgo grandparte apartenis al la princ-episkopejo de Lieĝo kaj do politike eĉ ne estis parto de “Nederlandoj” aŭ de “Belgio”. Siaflanke, ankaŭ Valonio ne ekzistis, la “Romiaj Nederlandoj” ne havis komunan politikan identecon. Ekzistis nur la graflandoj de Henegovio kaj Namuro, la suda parto de Brabanto kaj la princ-episkopejo Lieĝo. Sub franca reĝimo, oni kreis la hodiaŭajn provincojn. La graflando Flandrio estis dividita inter la provincoj Okcident-Flandrio kaj Orient-Flandrio. Brabanto estis dividita inter la provincoj Antverpeno kaj Brabanto (la provinco de Nord-Brabanto jam ekzistis dum kelkaj jarcentoj, ĉar ĝi apartenis al la nederlanda respubliko).

Tiu supra mapo montras la hodiaŭan flandran regionon (per helgriza areo), kies provincoj estas (maldekstre-dekstren): Okcident-Flandrio, Orient-Flandrio, Antverpeno, Brabanto kaj Limburgo, kaj la iaman flandran graflandon (per malhelgriza linio).

La du maldekstraj provincoj estas do nomataj “Okcident-Flandrio” kaj “Orient-Flandrio”, kio do signifas ke Orient-Flandrio nun troviĝas en okcidenta parto de Flandrio. Krome, la flandra kaj valona partoj de Brabanto estis daŭre unusola provinco ĝis 1993.




La Belga lingvopolitiko favoranta la francan ekde 1830 evidente instigis lingvomovadon de la nederlandlingvanoj en la nordaj belgaj provincoj. Tre frue, en 1838, la flandra verkisto *Hendrik Conscience* verkis libron pri la mezepoka Batalo de la Oraj Spronoj, titoligitan La Leono de Flandrio (vidu ***Etnismo*** 90 p. 7), kaj li tre romantikigis la rakonton por fakte krei novajn simbolojn por la nova belga ŝtato. Jes, li estis fidela al Belgio! Multaj lingvo-akti-



Vikimedio, foto de *Paul Hermans*.

**Portreto de *Hendrik Conscience* pentrita de *Henri De Pondt*.**

vuloj en tiu tempo forte kredis je la projekto de nova belga ŝtato, kiu nur bezonus korektojn por solvi la lingvoproblemon kaj starigi vere dulingvan unuecan Belgion. Ne ĉiuj samopiniis, iuj flandroj celis la forigon de Belgio kaj ĝian reunuiĝon kun Nederlando, sed plejmultaj lingvo-aktivuloj ne celis la nuligon de Belgio. Ankaŭ ne *Hendrik Conscience*, kiu kreis tre grandvaloran simbolon por la naskiĝanta lingvomovado. La historio de la flandra ribelo de 1302 tiel forte inspiris la movadon, ke rapide oni komencis paroli pri flandra movado. Ekde tiam "Flandrio" vere ricevis la signifon de la "nederlandlingva parto de Belgio".

La nord-suda divido de Belgio jam reprezentis realaĵon laŭ ekonomia vidpunkto. La gvidanta klaso en Belgio estis la (franclingva) burĝaro kun sidejo ĉefe en Bruselo, la ĉefurbo. Tiu burĝa klaso forte industriigis Valonion. La norda parto de Belgio longe restis tre kampara, krom kelkaj urboj kiel Antverpeno kaj Gento. Tiu ekonomia divido tre gravis por la lingva evoluo. En la sudo oni parolis ĝis fine de la 19-a jarcento ĉefe lokajn lingvojn kiuj ne estis francaj: la valonan, la pikardan, la luksemburgan, kaj aliajn. Dank'al la ekonomia politiko multaj homoj fariĝis industriaj laboristoj kaj en tiu ekonomia strukturo ili rapide franclingviĝis. La paŝo de la valona al la franca ne postulis grandajn klopodojn, ĉar ambaŭ apartenas al la familio de la ojl-lingvoj[2]. Ankaŭ multaj flandroj migris tien kaj post unu aŭ du generacioj jam parolis franclingve. Tamen, sociaj kaj lingvaj konfliktoj okazis, ĉar la amaso de flandraj migrantoj tute ne komprenis la valonan, kaj inverse la valonaj ne komprenis la flandran. La franca lingvo rapide gajnis pozicion de *lingua franca*, kaj tiel Valonio relative facile franciĝis (la valona lingvo plu ekzistas, kaj daŭre vivas valona lingvomovado, sed ĝi ne vere havas politikan influon). La nordo siaflanke tre malbone fartis ekonomie - kvankam necesas mencii ke la plej unua sindikato kaj la plej unua socialisma movado naskiĝis en *Gent*, flandra urbo. La (katolika) "konservatismo" de Flandrio ludis gravan rolon en la konservado de la nederlandaj dialektoj. Por simpligi la aferon, ni diru ke multaj vilaĝanoj neniam forlasis sian vilaĝon kaj do neniam bezonis uzi la francan. Tiu relativa neprogresemo de Flandrio multe helpis al la konservo de la lingvo. Tiel kreskis antagonismo socia kaj kultura: la franca estis konsiderata kiel prestiĝa "granda" lingvo kun alta kulturnivelo, la nederlandaj dialektoj rigardiĝis kiel primitivaj kamparanaj lingvaĵoj (same kiel la valonaj dialektoj).

Sed dum la dua duono de la 19-a jarcento, ekstaris mezklasa "eta burĝaro" en Flandrio, ŝtatfunkciuloj el la administracio, "liberprofesiuloj" (kiel kuracistoj), instruistoj, etaj komercantoj kaj enterprenistoj, kiuj agadis por la nederlanda lingvo. Ili venis el progresemaj liberalaj kaj kristan-demokrataj medioj kaj, ekde la jaroj 1860, ankaŭ el socialisma medio.

La juna flandra movado estis nur lingva. Multaj "flandristoj" favoris unuecan belgan ŝtaton kiu estu dulingva, franca kaj nederlanda. Kelkaj flandristoj celis reiron al unuigita nederlanda ŝtato (pri sendependa Flandrio oni ankoraŭ ne parolis). Kaj la pli katolikaj inter la lingvo-aktivuloj havis kontraŭan ideon: la lingvo de Flandrio estu ne nederlanda sed "flandra". La elstara poeto flandra *Guido Gezelle* ekzemple, estis tre katolika kaj pro tio ne ŝatis la ideon ke Flandrio kaj la protestanta Nederlando havu saman lingvon. Ne malgranda parto de la flandra lingvomovado estis "partikularisma", termino uzita por tiuj kiuj celis propran flandran lingvon. Tiu ismo ankoraŭ ekzistas, sed la lingvaj "nederlandistoj" fine sukcesis, verŝajne dank' al tio ke en Antverpeno kaj Bruselo, la du plej grandaj urboj nederlandlingvaj en Belgio, oni parolis ne flandre sed brabante, en dialekto pli proksima al la "norda" nederlanda.

En 1863 naskiĝis en la urbo Antverpeno la unua flandrisma partio. Komence por kontraŭi kelkajn militistajn konstruprojektojn lokajn, sed poste ankaŭ por multaj aliaj politikaj temoj, el kiuj ĉefe la lingvoproblemo kaj la manko de ĝenerala voĉdonrajto. La partio kiu formiĝis kun la nomo *Meeting-partij* (partio de la Kunveno) furoris kun programo kontraŭ-milita kaj kontraŭ-belga (jes, ĝi estis kontraŭ la belga ŝtato). Tiu partio gajnis en la elektoj, kaj, en 1863, reprezentanto ĝia estis la unua kiu parolis nederlandlingve en la belga parlamento. Tiam unuafoje la flandra lingvokonflikto eniris la oficialan politikon. Tiu batalo daŭris multajn jarde-

kojn, kaj paŝo post paŝo iĝis ne plu haltigebla. Decidiga por la lingvosituacio estis la jaro 1893, kiam, post grandskalaj strikoj, Belgio fine akceptis la ĝeneralan voĉdonrajton. Tuj la lingvaj bezonoj de amaso da flandroj eniris la politikan debaton. Eĉ pli: klare montriĝis ke la nederlandlingvanoj havas realan demografian majoritaton, kaj tio kaŭzis fundamentan ŝanĝon en la potenc-ekvilibro de Belgio.

En 1898, la "leĝo de egaleco" estis akceptita, ĝi devige enkondukis egalecon inter la franca kaj la nederlanda. La flandra movado atingis sukceson post sukceso, nederlandiĝis la justico, la lernejoj, la administrado. Kaj tio, ironie sed kompreneble, kreis respondon valonan: la Valona movado naskiĝis. La celo de la flandra lingvomovado estis ĉefe dulingveco en unueca belga ŝtato. Tio do signifus ke sur la tuta belga teritorio, ambaŭ lingvoj estu oficialaj. Valonio forte rifuzis la ideon ke la nederlanda estu oficiala en Valonio. Ili do respondis kun alia propono de ŝtatreformo: Valonio estu unulingva kaj Flandrio povus esti dulingva se ĝi volus.

La unua mondmilito estis ege feroca ĉe la Norda Maro, en la okcidenta parto de Flandrio kaj en norda Francio. Dum tri jaroj, soldatoj ambaŭflanke enfosis sin en tranĉeojn, kie milionoj mortis. La rezultoj de tiu milito katastrofa estas daŭre videblaj en monumentoj, tranĉeoj kaj tombejoj en Okcidenta kaj Franca Flandrio. Kompreneble tiu katastrofo traŭmatigis la popolon kaj la landon. La mondmilito estis mejloŝtono ankaŭ por la politiko en Belgio. Ĝis nun la flandra movado estis ĉefe lingvomovado, sed dum la jaroj 1914-1918 vere naskiĝis movado politika kaj nacia.



Vikimedio, el *Le Miroir* n-ro 38.

**Aŭgusto 1914, lieĝaj soldadtoj, «invadita Belgio konservis sian memregon.»**

Ĝis 1914 Belgio estis ankoraŭ grandparte "franclingva" ŝtato. La pozicio de la nederlanda lingvo estis ankoraŭ malfacila: kvankam teorie ĝi estis oficiala, en la realo la ekonomiaj kaj politikaj potencrilatoj daŭre favoris francigon de la socio. Kiam Belgio estis okupaciita kaj terura batalado okazis en okcidenta Flandrio, la lingva problemo sin montris tre danĝera, ĉar la altaj oficiroj de la armeo estis francparolantoj. La ordonoj estis franclingvaj, kaj multaj flandraj soldatoj ne komprenis ilin. Ĝenerala malkonsento kun la lingva politiko instigis flandrajn soldatojn organizi sin sub la nomo de Frontmovado. En februaro 1917, la Ministerio pri defendo malpermesis tiun movadon, kaj intelektuloj ĝin subtenante skribis publikan manifeston al la tiama reĝo Alberto la Unua, petante egalajn rajtojn por franclingvanoj kaj nederlandlingvanoj. Post la milito, tiu frontmovado estis kunfondanto de la Frontpartio.



Vikimedio, 11.07.1917.

**Flandraj Frontsoldatoj memorfestante la «Batalon de la Oraj Spronoj.»**

La Frontmovado estis ĉefe katolika movado. Sed flandrismo havis ankaŭ fortan liberalan kaj socialisman subtenon. Multaj el ili celis forigon de Belgio mem kaj fondon de sendependa flandra ŝtato. La germana okupacianto bone komprenis la situacion kaj lanĉis la "*Flamenpolitik*", politiko pri Flandroj. Multaj flandristoj vidis en la germana okupacio okazon nuligi eblon forigi Belgion, kaj ili kuniĝis en movado de Aktivistoj. La germanaj okupantoj nederlandigis la universitaton de Gento en 1916 sub tiu *Flamenpolitik*. Multaj aktivistoj havis iluziajn esperojn pri sendependa flandra ŝtato se Germanio finvenkos. Je la fino de 1917, Germanio eĉ oficialigis la Konsilion de Flandrio, kiu estus la registaro de propra Flandra ŝtato (nu, verŝajne tiu registaro estus "marionetreĝimo" de Germanio, kaj Flandrio estus praktike parto de la Germana imperio). Germanio tamen malvenkis, la belga ŝtato reaperis, kaj evidente la Aktivistoj estis persekutitaj. Ironie, tiu persekutado mem kunigis la Frontmovadon kaj la Aktivistojn...

Tuj post la milito, la belga registaro denove nuligis kelkajn reformojn de la *Flamenpolitik*, interalie la nederlandigon de la universitato de Gento. La persekuto de la Aktivistoj estis evidenta respondo, ĉar ili kunlaboris kun la milita malamiko, sed tiu persekutado estis tiel fervora ke ĝi ricevis multajn kritikojn. La maltoleremo de la belga registaro kontraŭ la flandra movado ĝenerale eĉ tuŝis la Frontmovadistojn, tiel ke ili rapide ekigis kampanjon por amnestio (multaj Aktivistoj estis en malliberejo). Tiu kampanjo kunigis antaŭajn kontraŭulojn en nova partio, la Frontpartio, kies militantoj estis kaj Aktivistoj kaj Frontmovadistoj.

Tuj post la milito, la belga registaro denove nuligis kelkajn reformojn de la *Flamenpolitik*, interalie la nederlandigon de la universitato de Gento. La persekuto de la Aktivistoj estis evidenta respondo, ĉar ili kunlaboris kun la milita malamiko, sed tiu persekutado estis tiel fervora ke ĝi ricevis multajn kritikojn. La maltoleremo de la belga registaro kontraŭ la flandra movado ĝenerale eĉ tuŝis la Frontmovadistojn, tiel ke ili rapide ekigis kampanjon por amnestio (multaj Aktivistoj estis en malliberejo). Tiu kampanjo kunigis antaŭajn kontraŭulojn en nova partio, la Frontpartio, kies militantoj estis kaj Aktivistoj kaj Frontmovadistoj.

Dum la dudekaj kaj tridekaj jaroj la sekvaj lingvopolitikaj reformoj starigis la nocion de teritorieco en Belgio. Ĉar Valonio ne akceptis tutbelgan dulingvecon, kaj ĉar la Flandra movado estis pli sendependema ol antaŭe, la ideo kreskis ke Belgio estu duoble unulingva: en la nordo la oficiala lingvo estu la Nederlanda, en la sudo ĝi estu la Franca, kaj Bruselo estu la nura parto dulingva. Jam en 1921 la parlemento akceptis leĝon kiu difinis la lingvajn regionojn por registara administrado (tamen la ŝtato mem restis unueca, kun ununura registaro). La kompromiso estis ke ĉiujn dek jarojn, je la okazo de granda nacia popolnombrado, oni repristudu la "realan" situacion lingvan en la vilaĝoj ĉe la lingvolimo, kaj se estus ŝanĝoj, la vilaĝoj iru al alia lingvoregiono. Praktike tio signifis ke ĉiujn dek jarojn la lingvolimo nordiĝis, vilaĝo post vilaĝo. Same kaŭzis konfliktojn la "dulingva" regiono de Bruselo, kiu ankaŭ daŭre franciĝis, kaj grandiĝis.

En 1932 la universitato de *Gento* fine estis tute nederlandigita.

Per venko post venko de la lingvomovado, Flandrio oficiale nederlandiĝis. La reago valona kunkreskis, kaj, ĉefe en laboristaj medioj, naskiĝis nova ideo: ekonomia federismo. Ĉar Valonio tiam multe malsamis al Flandrio, la valonaj partioj (kaj ĉefe la socialista) pensis nepre bezoni propran valonan decidpovon por prizorgi siajn ekonomian evoluon kaj investadon.

Anekdote, en tiuj jaroj ankaŭ ekestis Esperanto-movado en Belgio. La unuaj asocioj esperantistaj estis tipe "belgaj", fidelaj al la belga ŝtato kaj plejparte burĝaj kun tre francema karaktero. La tutan historion de la Esperanto-movado en Belgio mi ne klarigos, sed estas certe rimarkinde ke – kontraŭe al ĉiuj supozoj pri movado kiu propagandas lingvan pacon – la belga lingvokonflikto grave tuŝis ĝin. Flandristoj fondis proprajn asociojn kiuj forte kritikis la "belgan" Esperanto-movadon.

Ekzemple la revuo *Flandra Esperantisto* en 1929 propagandis por propra Esperanto-kongreso kontraŭ la belga kongreso jene:

**Kion vi ŝatus?**

| | |
|---|---|
| Esperanton kiel industrio? | Esperanton kiel idealo? |
| Esperanton kiel distraĵo? | Esperanton kiel kulturfaktoro? |
| Diktatoron? | Komunan interkonsenton? |
| Esperanton kiel tria lingvo? | Esperanto kiel dua lingvo? |
| Humiligon de via gepatra lingvo? | Honorigon de via gepatra lingvo? |
| Patriotismaĉon? | Pacifismon? |
| Kaŝajn intrigojn? | Malkaŝan sincerecon? |
| Pseŭdo-neŭtralecon? | Respekton por ĉies opinio? |
| Tiam iĝu membro de | |
| BELGA | FLANDRA |
| LIGO ESPERANTISTA | |
| Tiam aliĝu al la | |
| BELGA | FLANDRA |
| kongreso de Esperanto | |

Ĉu Esperanto vere solvos ĉiujn lingvoproblemojn?

## BELGA FEDERISMO

La dua mondmilito signifis por Belgio kvin jarojn da Germana okupaciado (denove). Same kiel dum la unua, estis grupoj kunlaborantaj kaj grupoj kontraŭbatalantaj. Fine de la dudekaj jaroj jam ekkreskis faŝismaj ideoj tre naciismaj. La flandra faŝisma partio estis tre flandrema, la valona partio tre belgema. La flandra faŝismo agadis simile kiel la Aktivistoj dum la unua mondmilito: ĝi pensis ke la germanaj okupaciantoj estos multe pli sentemaj al la flandraj (lingvo)bezonoj ol la belga ŝtato. Sed kontraŭe al la unua fojo, nun gravis ankaŭ la ideologisma faktoro. La unua "kunlaborado" estis afero de katolikoj, socialistoj kaj liberaluloj, kiuj estis germanemaj ne pro ideologiaj kialoj, nur pro kontraŭbelgaj deziroj. La dua "kunlaborado" ja estis tre faŝisma, en ambaŭ partoj/regionoj, en Valonio kaj Flandrio. Aliaj Flandristoj engaĝiĝis en la kontraŭan direkton, ekzemple en 1937 naskiĝis la Flandr(ism)a Komunisma Partio.

Tuj post la okupaciado kaj la milito reokazis la scenaro de la unua milito: grandskala kaj fervora persekutado, kiu en Belgio rapide ricevis kritikon pro la subprema agado kontraŭ la flandra movado ĝenerale (ne nur kontraŭ la kunlaborantoj de naziismo).

La divido de Belgio montriĝis tre grava, kiam en 1950 okazis referendumo pri la demando ĉu la reĝo Leopoldo la Tria daŭre estu reĝo. La referendumo ricevis grandan "jes" en (katolika) Flandrio kaj grandan "ne" en (socialisma kaj liberala) Valonio. Politika krizo ekis kun strikoj en Valonio kaj faloj de registaroj. Eĉ civita milito estis reala eblo. La reĝo fine mem rezignis kaj lia filo Baldueno la Unua surtroniĝis.

Intertempe, la tutmonda evoluo de la ekonomio ne preteriris Belgion. La industria Valonio perdis sian industrion, kaj la kampara Flandrio kreskis kiel ekonomia potenco en la "tria sektoro" (servoj kaj komerco), subtenate per "nova" petroĥemia industrio (en la haveno de Antverpeno).

En 1954 fondiĝis nova partio flandrisma, la Popola Unio (VU, *Volksunie*), partio demokrata, kontraŭmilita kaj federisma. En Valonio, ekde la 60aj jaroj, naskiĝis similaj movadoj kaj partioj. La rapida malkresko de la (tro maljuna) valona industrio kreis novajn politikajn konfliktojn, kaj nun federismo iĝis la plej grava demando de la valona (socialisma) movado. Iliaj kialoj estis ekonomiaj, la flandraj deziroj daŭre estis lingvaj: en 1961 Belgio organizis denove grandan popolnombradon, kaj la (ege diskutitaj) rezultoj montris ke ŝajne denove multaj urboj ĉirkaŭ Bruselo franciĝis. La forta flandra popolpartio instigis novan politikan krizon, kaj unu jaron poste la nordaj kaj sudaj partioj konsentis pri definitiva kaj neŝanĝebla lingvolimo (kaj tiel ankaŭ naskiĝis la problemo de "BHV", kiu rezultis en nuntempa krizo politika).




Mapo el Vimedio adaptita.

**Oficialaj lingvolimoj ekde 1961.**



La nigraj lokoj en la supra mapeto estas speciale reguligitaj municipoj (kun lingvaj "faciligoj", en la nederlanda *faciliteiten*). Kelkaj apartenas al Flandrio sed havas franclingvajn "faciligojn", kelkaj inverse. La plej okcidenta estas *Komen* / *Comines* (Valonio), la plej orienta estas *Voeren / Fourons* (Flandrio). La griza estas la dulingva regiono de Bruselo. La ĉirkaŭaj municipoj estas flandraj, kun franclingvaj faciligoj.

Multaj kvereloj okazis poste en *Voeren/Fourons* kaj *Komen/Comines*. Flandra Movado diras ke ili ambaŭ estas/estis nederlandlingvaj kaj do apartenu al Flandrio, Valona movado diras la malon. Krome aperis du eĉ pli gravaj konfliktoj: Bruselo kaj ties ĉirkaŭa regiono en la provinco Brabanto. 19 municipoj ekde 1962 oficiale apartenis al la Brusela dulingva regiono kaj ses pliaj municipoj restis flandraj sed kun "faciligoj" por franclingvanoj. Por ĉi-lastaj tiu situacio estas evidente afero de demokratio kaj homaj rajtoj (tamen ne sufiĉe), por Flandrio tiu situacio estas nur kaŭzo de plia franciĝo en Brabanto. Ankoraŭ nun estas diskutoj pri grandigo de Bruselo aŭ ne.

Kiam la lingvaj regionoj stariĝis, ili ankoraŭ ne havis proprajn registarojn. Dum dudek pliaj jaroj Belgio restis unueca ŝtato kun ununura registaro. La universitato de Gento jam antaŭ la mondmilito tute nederlandiĝis, sed tiu de Loveno (*Leuven / Louvain*) en Brabanto restis dulingva. Ĉar la urbo Loveno ne estis sufiĉe granda por la prestiĝa kaj kreskanta (katolika) universitato, la franclingva flanko de la altlernejo decidis konstrui novajn fakultatojn en aliaj municipoj de Brabanto, sed daŭre sub la estrado de la universitato mem. La dulingveco de la (katolika) universitato kaj ties nova teritoria disvastiĝado estis kialo por denove pligrandigi la bruselan regionon dulingvan, aŭ kiel anoncis la tiama franclingva estro de la universitato: "post dudek jaroj, Loveno kaj aliaj urboj apartenos al la Granda Bruselo". Tio instigis la studantojn flandrajn agadi por propra nederlandlingva universitato sendependa.

La konflikto komenciĝis en januaro 1968 kun la kampanjo *Leuven Vlaams* (Loveno Flandra), post anonco de la franclingva akademia estraro pri planoj de pligrandiĝo. Tuj okazis tumultoj, kiuj daŭris dum kelkaj semajnoj, kaj fine rezultis rezigno de la belga registraro. Denove, dek jarojn post la Afero de la Reĝo, la politiko belga kriziĝis. Tiu ĉi krizo rezultis

en la fondo de nova urbo (!) *Louvain-La-Neuve* (Loveno-La-Nova) en Valonio, kun propra franclingva universitato. Ĉar la Lovena universitato estis katolika, la situacio estis ege katastrofa por la kristan-demokrata partio, kiu disfalis al du novaj partioj: flandra kaj franclingva. Kaj tiu ĉi divido estis nur la unua, baldaŭ ankaŭ la liberalaj kaj socialismaj partioj disduiĝis.

Krome, la belga registaro decidis ke unueca ŝtato ne plu eblas kaj preparis la plej unuan ŝtatreformon cele al federismo. En 1970, Flandrio petis kaj ricevis propran kulturan decidpovon. Por tio oni starigis la oficialajn Lingvokomunumojn en Belgio: la Nederlandlingvan, la Franclingvan kaj la Germanlingvan. Tiuj lingvokomunumoj ricevis tiam proprajn registarojn kun propraj decidpovoj (pri la "personaj" aferoj, ekzemple edukado). Bruselo ne ricevis propran statuton kiel Komunumo: tie kunestris la nederlandlingva kaj la franclingva komunumoj, laŭ la individua lingvoelekto de la civitanoj.

Valonio ne ŝatis tiun novan reformon (ĉefe pro Bruselo kaj la Germana komunumo), sed oni trovis kompromison belgan. Ekonomia federismo estis jam valona peto dum kelkaj jardekoj kaj apud la Lingvaj Komunumoj oni starigis ankaŭ la Regionojn, kiuj estras pri "teritoriaj" aferoj (kontraste al la "personaj"). La regionoj kaj la lingvokomunumoj ne kongruis. La Germana Komunumo ne ricevis propran regionon sed ekapartenis al la regiono Valonio. Bruselo siaflanke ne ricevis propran komunumon sed ja propran regionon. Tiel naskiĝis tipe belga versio de "federismo", kiel montras la sekva mapo.



**Maldekstre la Lingvokomunumoj, dekstre la Regionoj.**

La aranĝoj por Bruselo, ties cirkaŭaĵo kaj *Voeren/ Fourons* estis tuj denove pridiskutataj. La statuso de Bruselo kiel propra regiono ne plaĉis al Flandrio, kiu tiel perdis influon en la ĉefurbo. Franclingvanoj siaflanke tute ne ŝatis ke la Flandra Lingvokomunumo daŭre havas influon en la ĉefurbo.

En 1980 okazis dua granda ŝtatreformo, kie oni finfine decidis pri la decidpovoj de la Regionoj. La reformo estis ege kritikata en Flandrio, ĉar novaj povoj por la Brusela regiono signifis eĉ pli fortan franciĝon. Oni tamen trovis kompromison, kaj ekde tiam Belgio havas sep oficialajn registarojn: unu federacian por tuta Belgio, tri de la lingvokomunumoj (Nederlanda, Franca kaj Germana) kaj tri por la regionoj (Flandrio, Bruselo kaj Valonio). La registaroj de la flandra regiono kaj la nederlandlingva komunumo unuiĝis tuj, do "Flandrio" nun vere havas unun registaron, sed la franclingva komunumo, la valona regiono kaj la brusela regiono daŭre estas tri apartaj strukturoj kun propraj registaroj. La "Dua Reformo" de 1980 okazis ne sen nova politika krizo: necesis tri sinsekvaj registaraj rezignoj por trovi kompromison pri Bruselo.

Jam en 1988 necesis organizi la Trian Ŝtatreformon, denove pro Bruselo. La franclingvaj partioj petis plian decidpovon por la brusela regiono, Flandrio rifuzis (ĝi preferis pliajn povojn por la lingvokomunumoj), sed oni trovis novan kompromison. Ekde tiam la konstitucio de Belgio prizorgas "duoblan protektadon". La demografia majoritato de Flandrio pli kaj pli estis konsiderata kiel danĝera afero por Valonio, do la franclingvaj partioj jam en 1980 akiris kelkajn "garantiitajn" seĝojn en la federacia ŝtatstrukturo. Same, la nederlandlingvanoj tiam ricevis garantiitajn seĝojn en la Brusela regiona asembleo.

La Kvara Ŝtatreformo okazis en 1993. Novaj decidpovoj estis donitaj al la subaj regionaj kaj ligvokomunumaj registaroj. Belgio ekde tiam ankaŭ "oficiale" federaciiĝis, la konsilioj de la lingvokomunumoj kaj regionoj ekde tiam estas "veraj" parlamentoj rekte elektitaj. Ekde 1993, Belgio oficiale estas Federacio. Specife rimarkinda pri la kvara ŝtatreformo estas la provinco Brabanto en la mezo de Belgio, kiu ĝis tiamestis unu, kaj do duoble-unulingva: la suda parto troviĝas en oficiale franclingva zono, la norda parto en nederandlingva. Provincoj estas registarniveloj inter la municipoj kaj la regionoj, do ne eblas ke unu provinco 'apartenu' al pluraj regionoj. Por simpligi la instituciojn oficialajn oni decidis dividi Brabanton al novaj provincoj: Flandra Brabanto kaj Valona Brabanto. Bruselo, kiel aparta regiono, ne plu apartenas al provinco, ĉar ĝi estas jam regiono en si mem. Tio tre gravis, ĉar dum balotado la provincoj estis la balotaj distriktoj, do Brabanto, kiu estis provinco, estis dulingva distrikto - kio konstitucie ne eblis. La divido solvis tiun problemon parte, sed nun naskiĝis nova balotdistrikto nomata BHV, enhavanta Flandran Brabanton kaj la Bruselan Regionon.

La historio de la ŝtatreformoj estas ankaŭ historio de la politikaj partioj. Fine de la 1970aj jaroj fondiĝis

nova naciisma partio nomata *Vlaams Blok* (VB, Flandra Bloko), kiu estis konsiderata kiel ekstremdekstra. Komence de la 1990aj jaroj ĝi rapide kreskis kaj unuafoje gajnis en elektoj. Petoj por doni pliajn povojn al Flandrio sonis forte, kaj oni decidis organizi kvinan ŝtatreformon en 2001. La franclingvaj partioj timis la kreskon de la ekstremdekstra partio kaj do akceptis la reformojn (sed ne sen limigo de la garantiita reprezentado por la nederlandlingvanoj en Bruselo).

Kaj tiel, reformo post reformo, formiĝis la hodiaŭa Belgio.

### LA AFERO BHV

La historio kiun mi rakontis esperеble klarigas la kialojn kaj kielojn de la lingvokonflikto en Belgio. En la nuna ĉapitro mi provas klarigi pli detale la situacion kaj konflikton de Bruselo, kiu estas la plej grava problemo en Belgio.

Kvankam la lingvolimo estis oficiale fiksita en 1962, la franciĝo ĉirkaŭ Bruselo daŭras en la tuta provinco de Flandra Brabanto. La urbo Bruselo mem estis origine nederlandlingva (ĝia antaŭa nomo estis *Broekzele*, kiu franciĝis al *Bruxelles* kaj en la nederlanda evoluis al *Brussel*). Jam fine de la 18a jarcento oni konstatis ke la urbo havas kreskantan franclingvan minoritaton. Sub franca registaro la burĝa kaj aristokrata klasoj sin eksentis tre "francaj", la politika povo kaj la brusela socio sekvis la evoluon. Evidente la urbiĝo mem, evoluo videbla en la tuta mondo, ludis rolon: la loĝantaro kreskegis pro enmigrado. La hodiaŭa regiono de Bruselo havis 200 000 loĝantojn en 1830, nuntempe tie loĝas pli ol unu miliono. Kaj la iama franclingva minoritato nun estas majoritato.

Ĉar la franca lingvo jam dum du jarcentoj estas la lingvo de la potenco en Bruselo, la popolo kunfranciĝis. Kiam en 1962 oni decidis pri definitiva lingvolimo, 19 municipoj ekapartenis al la dulingva regiono de Bruselo, la zono kiu jam tiam estis "bruseliĝinta".



**La 19 municipoj de la dulingva brusela regiono.**

Ekde la 60aj jaroj ekis alia evoluo: la tre amasa enmigrado de eksterlandanoj ĉefe el iam franc- kaj belg-koloniaj landoj de Afriko. Ambaŭ, la franclingvaj kaj nederlandlingvaj belgoj, baldaŭ estos minoritatoj en Bruselo. Tamen la plejmulto de la enmigrantoj voĉdonas por franclingvaj partioj, kaj la franca lingvo estas la ĉefa *lingua franca* en Bruselo. Lingvan popolnombradon oni ne plu faras en Belgio, sed laŭ la rezultoj de la voĉdonado dum lastaj balotadoj oni taksas ke la nederlandlingvanoj estas nun minoritato de ĉirkaŭ dek procentoj. La socia kaj politika potenco en Bruselo estas tre forte franclingva, kaj la Flandra komunumo ne havas grandan influon. Enmigrantoj do preskaŭ ĉiam eklernas la francan kaj ne la nederlandan.

Tamen la malmultnombraj nederlandlingvaj lernejoj en Bruselo estas konsiderataj kiel pli altnivelaj kaj pro tio multaj enmigrantoj ŝatus sendi siajn infanojn tien, sed la amaso de aliĝantoj estas tro granda por la nederlandlingva lernojaro. Dum pasintaj jaroj tamen la bildo de la nederlanda lingvo multe pliboniĝis. Ĉu tio povus inversigi la evoluon? Estas nuntempe nerespondebla demando.




**Municipoj kun faciligoj.**

La urbiĝo de la regiono havas ekonomiajn sekvojn. La prezoj por loĝi en Bruselo ĉiam kreskas, kaj ankaŭ la sociaj problemoj. Pro tio multaj (franclingvaj) bruselanoj mem elmigradas al la ĉirkaŭaj "verdaj" kaj "kvietaj" municipoj flandraj (maldekstre sur la supraj mapoj). Ĉefe la ses municipoj kun faciligoj altiras franclingvanojn bruselajn, sed la tuta Flandra Brabanto spertas tiun enmigradon.

Supraj mapetoj montras la municipojn flandrajn ĉirkaŭ la Brusela regiono. Maldekstre estas markitaj la ses oficialaj municipoj kun faciligoj por franclingvanoj. . Dekstre estas markita la unua propono por municipoj kun faciligoj en 1962. Ili daŭre Ili daŭre estas celo de agado politika por grandigo de la Brusela regiono.

La zono ĉirkaŭ Bruselo rapide "bruseliĝas", kaj tio videblas en la sekva mapo de la flandra regiono, kiu montras la relativajn lu- kaj aĉet-kostojn por domoj. La tuta malhela regiono ĉirkaŭ Bruselo estas ofte konsiderata kiel la sociologia "Granda Bruselo".



Teorie, laŭ la konstitucio ĉiu balota kaj justica distrikto estu unulingva krom la Brusela regiono. Pro tio oni dividis la provincon de Brabanto en 1993. Sed tiel la franclingvaj partioj perdis grandan influozonon, do oni pripensis kompromison. Valona Brabanto ja estis unu kaj unulingva distrikto, Flandra Brabanto estis dividita en du: oriente la distrikto de Loveno kaj okcidente distrikto kiu enhavas Bruselon kaj la okcidentan parton de Flandra Brabanto. Tiu distrikto daŭre estis dulingva kaj ricevis la nomon de tri ĉefaj urboj: Bruselo, *Halle* kaj *Vilvoorde*. Praktike, do "Granda Bruselo".




Per tiu distrikto, la franclingvaj partioj de Bruselo povas ricevi voĉojn el la provinco de Flandra Brabanto. Tio tre forte subtenas la migradon de Bruselanoj al la provinco, ĉar ili ne devas integriĝi, ili simple "kunprenas Bruselon". La franciĝo de la provinco tiel daŭras. Por la franclingvanoj, la personaj lingvorajtoj pli gravas ol la teritoria unulingveco de Flandrio (ili tamen ne parolas pri Valona Brabanto kie loĝas Flandraj enmigrantoj). Por Flandrio, la franclingvanoj estu simple konsiderataj kiel enmigrantoj kaj ne kiel 'historia minoritato'. Flandrio deziras jam dum jardekoj dividi la distrikton BHV por haltigi la influon de la franclingvaj partioj, kaj ĉi tiuj respondas jam dum jardekoj kun la peto por pligrandigi Bruselon mem.

La granda kialo por peti la pligrandigon de Bruselo tamen ne estas la demografia situacio aŭ "homaj rajtoj", sed timo pri ebla malapero de Belgio mem. Kutimo en internacia juro estas ke se ŝtato dividiĝas, la ekzistantaj internaj limoj iĝas la novaj ŝtatlimoj. Do Bruselo estos "insulo" en Flandrio. Certe parolante pri "post-belga" situacio, la franclingvaj partioj parolas pri Valon-Brusela Federacio. Sed inter Bruselo kaj Valonio troviĝas kelkaj "flandraj" kilometroj. Proponojn oni faris por pligrandigo de Bruselo per "koridoro", kiu fariĝus "ponto" inter Valonio kaj Bruselo.

Dum pasintaj jaroj la freneza karaktero de la diskuto sin montris per proponoj ĉiam pli absurdaj: proponita estas jam arbara kvartalo kie "neniu" loĝas kaj kiu do ne gravas por Flandrio, kaj eĉ koridoro de unuNura strato kiu kunligus Bruselon kaj Valonion.

Diversaj asocioj aktivas "ambaŭflanke" en la lingvokonflikto. Flandraj asocioj volas konservi la flandrajn municipojn kiel flandrajn, franclingvaj asocioj agadas por pliaj rajtoj franclingvaj en tiuj flandraj municipoj (kaj por eventuale pligrandigi Bruselon). Aldonu al tiu situacio la tre malbonan financan situacion de la federacia ŝtato kaj la deziron de Flandrio por pliaj (financaj) aŭtonomaj povoj, kaj novaj politikaj krizoj estis (-as, -os, ...) neeviteblaj. Do tiel ni alvenas al la krizo kiu ekis en 2007 kaj rezultis en tre longa negociado por nova registaro.

La "proceduro de konflikto de interesoj" (ankaŭ nomata la Sonorilproceduro) de 1988 estas konstitucia eblo de registaroj haltigi novan leĝon aŭ decidon se ili pensas ke ĝi kontraŭus lokajn interesojn. Do se ekzemple la regiona registaro opinias ke nova federacia leĝo, aprobita en parlemento, ekigos "konflikton de interesoj", ĝi povas peti plian parlementan diskuton kaj pristudojn. Estas rimarkinde ke ĝis nun tiu Sonorilproceduro nur unufoje okazis: en 2010, kiam flandraj partioj voĉdonis kontraŭ la franclingvaj por parlamenta leĝo pri la divido de la distrikto BHV, la eko de nova ĉapitro en la krizo.

### KAJ NUN?

En 2011 ses politikaj partioj finfine trovis interkonsenton pri ŝtatreformoj kaj novaj reguloj pri BHV post tre longa periodo de intertraktado. Ekis la unua registaro de Di Rupo, el la franclingva Socialisma Partio (PS), kun koalicio de ses partioj entute. En 2011 ses politikaj partioj finfine trovis interkonsenton pri ŝtatreformoj kaj novaj reguloj pri BHV post tre longa periodo de intertraktado. Ekis la unua registaro de Di Rupo, el la franclingva Soci-

alisma Partio (PS), kun koalicio de ses partioj entute. En 2011 ses politikaj partioj finfine trovis interkonsenton pri ŝtatreformoj kaj novaj reguloj pri BHV post tre longa periodo de intertraktado. Ekis la unua registaro de Di Rupo, el la franclingva Socialisma Partio (PS), kun koalicio de ses partioj entute. La ŝtatreformo kiun la ses partioj intencas fari ne grandas, ĝi konsistas el novaj povoj por la regionoj kaj lingvokomunumoj, sed certe ne ĉio kion Flandrio petis kaj la tri partoprenantaj Flandraj partioj deziris (kaj promesis). Transiro al belga “konfederaciismo” ne okazas, kvankam ĉiu partio flandra petis tion.

Multaj opiniantoj jam antaŭvidas baldaŭan novan konflikton kaj neceson de Sepa Ŝtatreformo, eble post la venontaj elektoj. Krome, la financa situacio de Belgio estas katastrofa, unu grava aspekto de la diskutoj de la pasintaj jaroj temas pri la sistemo de socia asekuro, sed ankaŭ pri la ekonomia situacio ĝenerale malsama inter Valonio kaj Flandrio. Kaj la bankokrizo de 2007 kreis truojn en la ŝtatbuĝeto kiuj ankoraŭ ne estas ŝtopitaj (nek videblaj, sed verŝajne ege grandaj).

Pri la afero BHV la ses partioj do trovis interkonsenton. La distrikto ja estos dividata, Bruselo fariĝos aparta distrikto, kaj la resto de BHV kuniĝos kun la distrikto de Loveno por krei novan distrikton de Flandra Brabanto, do tiel finfine similos al la provincoj. Sed multaj detaloj ne ankoraŭ estis anoncitaj, la intertraktoj okazas en granda sekreto, mi do ne povas doni definitivajn detalojn. Fakte, la detaloj kiuj jam “eliris” ricevis ege multe da kritikoj, ĉar ili ne solvus la problemojn sed plikomplikigus ilin. Ekzemple la justica distrikto BHV ne estos dividita sed “malduobligita”: ekde nun estos apartaj franclingvaj kaj nederlandlingvaj institucioj por la tuta BHV distrikto (ĝis nun estis unu dulingva strukturo). Pri la balotodistrikto, la bruselaj partioj daŭre ricevas la rajton akcepti franclingvajn voĉojn el la nova distrikto Flandra Brabanto per komplika sistemo. Tio instigos franclingvajn partiojn daŭre agadi por voĉoj kaj por franciĝo, nun ne plu nur en BHV sed en la tuta provinco de Flandra Brabanto. Kaj laste, por kompensi la nepligrandigon de Bruselo, oni starigus novan oficialan strukturon, la “Metropolitenan Komunumon”, kiu enhavus la tutan iaman provincon de Brabanto. Tiu komunumo laŭdire estos nur “konsila instituto” senpotenca, kie kunvenos la diversaj registaroj havantaj decidpovon en Brabanto (nome: la lokaj municipoj, du provincaj registaroj, tri regionaj registaroj, la franca lingvokomunumo kaj la federacia registaro). Eĉ sen propra povo tiu konsila instituto estos burokrata afero komplika, sed la franclingvaj partioj jam anoncis ke, por ili, la Metropolitena Komunumo iam devos esti vera ŝtatstrukturo (do praktike estos 'Granda Bruselo'). Do, konlude pri BHV, la solvoj plie komplikigos la situacion ol solvos la problemojn.

La nova registaro sin trovas en tre malbona pozicio politika. La tri flandraj partioj partoprenantaj, VLD, CD&V kaj SP.A, estas la perdintoj en la voĉdonado, la gajninto (N-VA) sidas en opozicio. Krome, la tri partioj kune eĉ ne havas realan majoritaton en Flandrio. Do politika krizo verŝajne reokazos, eble pli grave. Rimarkinde estas ke laŭ nuntempaj opinistudoj (printempo 2013), N-VA jam estas pli granda ol la tri registarpartioj kune. En oktobro de 2012 pasintjare, N-VA estis la granda venkinto de municipaj balotadoj, kaj nun interalie estras la plej grandan Flandran urbon, Antverpenon.

La Granda Demando ĉefe aŭdata estas: ĉu Belgio malaperos aŭ ne? Kaj ĉu la popolo deziras tion? Ne facilas respondi, ĉar en Belgio referendumoj ne okazas, oni nur voĉdonas por partioj. La flandraj partioj kiuj celas sendependan respublikon kune ricevis iom malpli ol duonon de la voĉoj (baldaŭ verŝajne pli ol duonon). La “minimume konfederaciismaj” ricevas kune pli ol 80%. Per tiu cifero oni povas supozi ke sendependeco ankoraŭ ne estas favorata estonteco de la majoritato flandra, sed grandaj ŝtatreformoj certe jes.

Certe veras ke la politika krizo forte tuŝis la popolon. Grupoj kaj asocioj lanĉis diversajn kampanjojn kaj manifestaciojn: por sendependeco flandra, por unueco belga, por pligrandigo de Bruselo, aŭ simple kontraŭ la krizo (kun mesaĝo “faru registaron, ne gravas kian”).



Ĉu Belgio ankoraŭ supervivos? Ne eblas doni finan respondon al tiu demando, historio neniam prezentas sin tute logika. Diversaj estontaj scenaroj por Belgio "cirkulas":

- Ne ŝanĝi ion ajn. Ne realisme, ĉar la nuntempa belga ŝtato simple misfunkcias kaj laŭ nuntempa evoluo baldaŭ bankrotos, ne nur finance sed ankaŭ demokratie.

- Reiri al unueca tute dulingva ŝtato: kelkaj deziras tion, sed tiu ĉi estas politika utopio, ĉar Bruselo kaj Valonio neniam akceptis aŭ akceptos ĝin. Bruselo denove "nur" urbo anstataŭ propra "regiono"? Valonio kiel demografia minoritato perdante sian propran decidpovon en unueca ŝtato gvidata de nederlandlingva majoritato? Kaj kio okazus kun la Germana lingvokomunumo?

- Sendependigi la regionojn. La celo de la plej radikalaj partioj ambaŭflanke. Nuntempe ne la majoritato. Kaj Bruselo daŭre estos diskutpunkto, pro la cent mil nederlandlingvanoj en la urbo.

- Dividi Belgion inter Francio kaj Nederlando. Multaj Valonoj pensas ke se Belgio malaperus, Valonio iru al Francio. La Valona movado nuntempa tre favoras la "reiron al Francio". Kontraŭe, la flandrisma movado ĉefe parolas pri propra ŝtato flandra. Reiro al Nederlando foje aperas kiel propono sed ne tiel multe kiel sendependeco.

- Adopti konfederaciismon: la plej ofte uzata vorto en proponoj de ŝtatreformo. Preskaŭ ĉiu partio flandra proponas konfederacian Belgion. Sed ĉiu havas propran ideon pri konfederaciismo.

Ĉu estas fakte solvo por la belga lingvokonflikto - almenaŭ en "belga" kadro? Pri tio mi ne certas. Kontraŭe al multaj proponoj, oficialigi esperanton (aŭ alian "neŭtralan" lingvon nebelgan, kiel la angla) en Belgio laŭ mi ne solvos la konflikton, ĉar ne temas pri problemo de miskompreno. Studado de la franca lingvo estas deviga en la flandraj mezlernejoj (bedaŭrinde ne inverse), multaj flandroj sufiĉe bone komprenas la francan por komunikado "inter-belga".

La belga konflikto estas ne nur lingvokonflikto, sed ankaŭ socia, politika kaj (verŝajne plej grave) teritoria konflikto, ĉefe en kaj ĉirkaŭ Bruselo. Iu "neŭtrala" lingvo ne solvus tiujn konfliktojn: Franclingvanoj daŭre petos pligrandigon de Brusela Regiono, Flandrio daŭre timos la franciĝon en sia suda teritorio.

Kiel propra noto: se mi povus elekti solvon, mi elektus nek belgan nek flandran solvon, sed beneluksan. Mi favorus la iamajn "malaltajn landojn" denove kunigitajn, pere de konfederacia malcentralismo, kie ĉiuj regionoj povus elekti propran lingvopolitikon demokratan. En tiu ĉi konfederacio do ankaŭ la regionaj lingvoj (kiel la valona, pikarda, limburga, frisa ...) havus siajn valorajn kontribuojn. Feliĉe ankoraŭ ne estas leĝo kontraŭ revoj...

Do jen mia artikolo pri la belga lingvokonflikto. Mi provis esti plej "neŭtrala" kaj "objektiva" kiel eble, sed mi scias ke tamen multaj legantoj havos pripensojn, kritikojn, aliajn vidpunktojn... Bedaŭrinde malfacilas klarigi tiun ĉi temon. Tre komplika konflikto, kiu havas multajn jarcentojn de politika kaj socia historio, ne povas esti klarigita "neŭtrale". Se valono skribus tiun ĉi artikolon li certe skribus laŭ propraj - franclingvaj (aŭ eble valonlingvaj) - spertoj, eĉ se li provus eviti tion. Kaj se eksterlandano provus klarigi la temon kiel "neŭtrala observanto", ambaŭ, valonoj kaj flandroj, povus diri - prave!- ke li eble priskribas la aferojn sed ne komprenas ilin... Do ne eviteblis ke mi kiel "flandro" skribis skizon pri la lingvokonflikto kiu ne estas iusence "flandra". Al la legantoj kiuj interesiĝas pri tiu lingvokonflikto "en la koro de EU" mi konsilas trovi pliajn informojn, el diversaj vidpunktoj.

***KdL***

# KONCIZE EL...

**BRETONIO. Televido bretonlingva:** La 14-an de decembro 2012, la Regiona Konsilio de Bretonio, konstatis ke nuntempe en la aŭdvida kampo plej klare videblas la malegaleco inter la diversaj regionoj de Francio. Tiu konsilio celas, intertraktante kun la franca registaro kaj la televidinstitucio, atingi kreon de dulingva kanalo laŭ la modelo de la korsika publika diĝita kanalo ekestinta en 2007.

Diversaj ĝisnunaj projektoj funkciis mallongan tempon kaj tiam kolapsis pro manko de mono kaj ... uzantoj. Estas necese konscii pri la pli kaj pli malgrandiĝanta nombro de breton-parolantoj: El enketo de 2009, konstateblis ke scipovas la bretonan lingvon nur iom malpli ol 200 000 personoj!

Informfonto: El Punt Avui, 07. 02. 2013, "Comunicació" *Uwe Joachim Moritz*

**AŬSTRALIO. la indiĝenoj de aŭstralio:** Malgraŭ pluraj socipolitikaj paŝoj kaj gestoj de simbola reparacio, la socia diskriminacio kontraŭ la indiĝenoj daŭras. Laŭ la raporto de la ŝtata *Steering*-komisiono, de aŭgusto 2011, la diferenco de lerneja kleriĝo kaj infanaj mortokazoj inter indiĝenoj kaj la blankula plimulto ja iomete malpligrandiĝis dum la pasintaj jaroj, sed la vira senlaboreco inter la indiĝenoj estas la kvaroblo de la aliaj civitanoj, kaj ege plimultiĝis indiĝenaj enkarcerigitoj. Tial, dum la nacia festotago de Aŭstralio, la 26-an de januaro 2012, eksplodis sensacia tumulto far indiĝenaj aktivistoj, pro kiu la ĉef-ministrino *Julia Gillard* kaj la opoziciestro *Tony Abbott*, la vera celo de la protestoj, fuĝis el restoracio. - En februaro 2012, fakula komisiono, en

**Sekvo je la paĝo 28**

Nicole Margot

# LA ARBREŜOJ

Kiel mi raportis en la lasta numero de ***Etnismo*** (no 90, p. 27 - 28), grupo de esperantistoj vizitis *Piana degli Albanesi* kadre de *Grundtvig*-staĝo pri "Edukado al Interkulturo" organizita dum la lastjara Itala Esperanto-Kongreso en *Mazara del Valo*. Tie ni ricevis informan materialon pri la kulturo de tiuj albanoj enmigrintaj en la sudon de Italio. Pro la riĉa kaj interesa enhavo de tiuj informoj mi deziras ilin kundividi kun la legantoj de ***Etnismo***. En tiuj du lastaj numeroj de ***Etnismo*** jam aperas, en du partoj, longa artikolo kun detaligitaj historiaj partoj, kaj en tiu ĉi aldoniĝas dua samstila. Sed mi promesis en la numero 90 pli longe paroli pri la siciliaj arbreŝoj, kaj malfacilis resumi tiun historian parton sen perdi intereson.

La plej interesa dokumento estas CD-ROM en la itala, produktita de la provinco de Palermo kun enhavo verkita de la Katedro pri Albanaj Lingvo kaj Literaturo Katedro de la Fakultato pri Eduksciencо en la Palerma Universitato (*Cattedra di Lingua e Letteratura Albanese, Facoltà di Scienze della Formazione, Università degli studi di Palermo*).

Ĝia titolo, "*Gli Arbëreshë di Sicilia*", tuj malkovrigas al ni la nomon – arbreŝo - donitan al tiu ĉi etna minoritato ekloĝinta en la sudo de Italio inter la 15-a kaj 18-a jarcentoj.

La enhavo dividiĝas al kvar grandaj ĉapitroj: historio, kulturo, religio kaj komunumoj. Komence de la ĉapitro pri kulturo oni legas, ke «la albana lingvo estas hindeŭropa kaj disvastiĝinta ekster la albana respubliko en Balkanio (Kosovo, Montenegro kaj Makedonio) sed ankaŭ en la sudo de Italio, en Grekio, Bulgario, Turkio, kaj pro moderna migrado en Italio, Francio, Belgio, Germanio, krome ekster Eŭropo en Argentino, Brazilo, Ĉilio kaj Usono».

Por kompreni la kialon de la migrado de tiuj albanoj al Suditalio kaj ilian rolon en la konstruo kaj pluvivigo de la albana kulturo, necesas unue malfermi la ĉapitron pri historio. Kaj ĉi sekve mi rakontos la historion de Albanio laŭ la vidpunkto de la aŭtoroj de tiu ĉi CD-ROM. En venonta numero mi raportos pri la albana diasporo en Suditalio, ĉefe en Sicilio.




## ORIGINO DE LA ALBANA POPOLO

Pri la origino de tiu popolo mankas certeco, sed oni ofte diras, ke la iliroj aŭ trakoj estas la prapatroj de la albanoj.

Oni nun povas aserti, ke dum la oka jarmilo antaŭ Kristo la albana teritorio estis loĝata plej verŝajne de "eŭropaj" prakultivantoj antaŭ la alveno de hindeŭropaj popoloj, stepaj bredantoj kun kiuj la "protoalbanoj" probable kreis ligojn kaj poste simbiozon. Inter ili tre verŝajne estis iliroj, kaj tiujn ĉi oni kutimas nomi *praalbanoj*. Sed *iliro* kaj *Ilirio* estas nocioj, kiuj multe variis laŭ la tempo kaj foje kovris tre diversajn tribojn. La ilira teritorio vastis, ĝia klimato tre variis kaj diversmaniere influis la tiamajn popolojn, pri kiuj ni scias malmulton.

## HELENAJ KOLONIOJ

Ekde la 7-a jarcento a. K. la loĝantoj de Korinto kaj Korfuo kreis la kolonion *Epidamnos*/*Dyrrachum* proksime de la nuntempa *Durrësi* (Duraso) ĉe Adriatiko, kaj poste alian kolonion, *Apollonia,* Apo-



La balkana regiono je la 4a jc. a. K.

Ionio, pli sude. Longe la rilatoj inter helenoj kaj iliroj restis amikaj, kaj la kolonioj kreskis kaj riĉiĝis. Sed meze de la 4-a jarcento la ilira reĝo *Monumios* okupis *Dyrrachum,* kaj la urbo-ŝtato estis regata egale de iliroj kaj de helenoj.




Vikimedio, aŭtoro: *Eric Gaba*, adpatita al Esperanto.

**Via Egnatia.**

Je la 7-a jarcento iuj tribaj federoj kreiĝis en la sudo de Ilirio, kaj ĉe la landlimo kun Makedonio disvolviĝis senkompataj bataloj. Suda Ilirio entenis du apartajn ŝtatojn, la reĝejon de la iliroj kaj la komunumojn de la molosoj[1], kiuj poste konsistigos la ŝtaton Epiro. Ambaŭ konstituis federaciajn ŝtatojn regataj de tre malstabilaj suverenoj.

Meze de la 4-a jarcento, sub la makedona reĝo Filipo 2-a, kiu volis plilarĝigi sian teritorion ĉe la greka landlimo, la molosoj kreis firmajn ligojn kun Makedonio kaj distanciĝis de Ateno. Sed fine de la 4-a jarcento la molosa komunumo malaperis kaj lasis lokon al iu militista ligo nomita Epira Ligo, aludante la historian regionon situantan inter suda Albanio kaj nuna Grekio.

Komence de la 3-a jarcento, kiam Makedonio kaj Grekio troviĝis en granda politika ĥaoso kaŭze de militoj pro la heredo de Aleksandro la Granda, la Epirota Ligo fariĝis potenca ŝtato ekde Makedonio ĝis Peloponezo. Je la morto de *Pirho*, epira reĝo, la Epirota Ligo ekmalfortiĝis.

## FORTA FEDERALA ILIRA ŜTATO

Meze de la 3-a jarcento potenca federa ŝtato ilira




**Balkanio en la romia epoko, 1-a jc a. K.**

denove ŝanĝis la ekvilibron de Balkanio. Sub la ilira reĝo *Agron* kaj lia edzino *Teuta*, la iliroj, kun efikaj mara kaj tera armeoj, konkeris multajn regionojn borde de Adriatiko kaj de la Ionia maro. Sed tiuj sukcesoj endanĝerigis la maran komercon de la romianoj. Tri militoj okazis inter iliroj kaj romianoj ekde 229 a. K. ĝis fine de la jaro 168 kiam la makedonaj kaj iliraj armeoj estis batitaj kaj Epiro rabdetruita de la romianoj.

## LA ROMIA OKUPACIO

Kun la celo plu konkeri nordan Ilirion, la romianoj diserigis la landon en multajn administrajn unuojn, kiuj, ĉu rekte dependis de Romo, ĉu konservis ian aŭtonomion. Tiuj sinsekvaj iliraj militoj daŭris 150 jarojn, kaj en la jaro 9-a p. K. la provinco *Illyricum*, Iliriko, estis kreita kaj dividita al du provincoj, Dalmatio kaj Panonio.

Kiel kutime en la Romia Imperio, kelkaj urboj ricevis pli da aŭtonomio ol aliaj, kiuj estis koloniigitaj de romiaj eksmilitistoj por pli bone regi super eventualaj rezistoj flanke de Iliroj. Ilirio komencis senti la efikon de tiu romia civilizacio, kaj la antikvaj urboj kiel *Dyrrachium* kaj *Apollonia*, aparte ŝanĝis sian aspekton kaj sian urban strukturon.

La romianoj stimulis la komercon konstruante la vojon *Egnatia*, kiu ligis *Dyrrachium* al Bizanco trairante la ĉefajn balkanajn centrojn.

Malgraŭ tio, ekster tiuj grandaj urbaj centroj, la plej granda parto de la popolo ne estis praktike tuŝata de tiu romiigo kaj konservis sian lingvon kaj siajn tradiciojn. *Hyeronimus*, dalmata verkisto, asertis, ke ankoraŭ en la jaro 420, en Ilirio oni parolis “barbaran lingvon”. Eĉ la dioj ricevis romiajn nomojn, sed la religio ne funde ŝanĝiĝis. Ĉefe la sudo konservis sian kulturon pro iu forta urba kulturo influata de la helena civilizo.

Kaj je la fino de la 4-a jc, kiam disiĝis la Romia Imperio, la sudaj regionoj de Ilirio estis asimilitaj al la Orienta Imperio[2], kie ili suferis pro invadoj de la visigotoj, de la hunoj kaj de la ostrogotoj.




Komence de la 6-a jc ankaŭ la nordaj regionoj ekapartenis al la Orienta Imperio. Administre tiuj regionoj estis dividitaj en 11 provincojn. Tri el ili, Dalmatio, *Sava* kaj mediteranea Noriko apartenis al la diocezoj de Okcidenta Ilirio ligitaj al Italio, dum la aliaj, malsupra Panonio, Moesio, Dakio, Makedonio kaj la 4 sudaj provincoj kiuj troviĝis sur la teritorio de nuna Albanio, t. e. *Dardania* (Dardanio), *Praevalitania*, (Prevalitanio), la nova kaj la antikva Epiro enestis en la prefekturo de orienta Ilirio.

Dum la 6-a kaj ĝis la 7-a jc malfortiĝis la Orienta Imperio, invadata de barbaroj, inter kiuj la avaroj[3] kaj poste la slavoj.

## ALVENO DE LA SLAVOJ

Fine de la 6-a jc la Orienta Imperio perdis la regon super la okcidentaj provincoj de Balkanio. Norde la iliroj kaj la romianoj slaviĝis, dum sude iliaj posteuloj, la albanoj, restis la plejmulto kaj provis daŭre pluekzisti. Ankaŭ la novalvenintaj slavoj ricevis la influon de la okupaciatoj. Norde ili aliĝis al la katolika religio kaj ekuzis la alfa-beton kaj la kulturon latinan, dum la sudaj slavoj, la serboj, konvertiĝis, je la 9-a jc, al la bizanca kulturo kaj adaptiĝis al la greka civilizo.

La eniro de la serboj en la kristanan religion havis gravajn konsekvencojn por la albana popolo, kreante neforigeblan antagonismon kun la bizancigitaj serboj. Sed ĝuste kaŭze de tiuj luktoj kaj opozicioj, per la defendo de sia kulturo, la albanoj ekkonsciis pri siaj propraj identeco kaj nacieco. En tiu epoko, je la 7-a jc aperis la termino Albanio laŭ diversaj formoj: ***Arbania, Arbanon, Albania, Raban, Albanum***, jam menciita je la 2-a jc fare de Ptolemeo, kiu parolis pri *l'Arbania* por nomi teritorion situantan inter la aktualaj *Shkodër*, *Durrësi*, *Ohrid* kaj *Prizren*. Notindas, ke la nunaj albanoj preferas nomi sin *shqiptar* kaj sian landon *Shqipëri* (lando de la agloj). Tiun ĉi lastan nomon, ne uzatan internacie, ankaŭ ne konis la albanoj, kiuj migris je la 15-a jc al Italio, la arbreŝoj.

La unuigo de la balkanaj landoj al la Orienta Imperio estis decidiga por la disvolviĝo de la albana historio. Post la jaro 395 Dalmatio, Prevalitanio, Dardanio kaj Moesio formis la limon inter Oriento kaj Okcidento. Laŭ eklezia vidpunkto ili apartenis al Romo, sed post la slavaj invadoj ili estis aneksitaj al la Bizanca Imperio. Kiam ekfuriozis la longa batalo inter la latin-ritaj episkopoj kaj tiuj submetitaj al la bizanca eklezio, Albanio decidis elekti Okcidenton sed konservis la ritaron greko-bizancan. Ankaŭ la politika povo de la bizanca kortego sur la foraj provincoj malfortiĝis.



Vikimedio, aŭtoro: *Irvi Hyka*, 2005.

**La ilira reĝino *Teuta*, 3-a jc.**




**Iliriko.**



Vikimedio, aŭtoro *Gertjan R.*, 2009.

**Kastelo de *Leshë*.**

Ekde la 10-a jc la sudbalkana regiono travivis diversajn politikajn tumultojn kun la iompostioma diserigo de la Bizanca Imperio sub la atakoj de la Krucmilitistoj (dum mallonga tempo) de la slavoj kaj muzulmanoj. La albanaj teritorioj devis submetiĝi al la diversaj regnoj, kiuj sin sekvis en Balkanio: la despotujo (princlando) de Epiro, la Venecia Respubliko, la regnoj de Napolo, Bulgario, Serbio, kaj de tempo al tempo ili revenis al la Bizanca Imperio. En tiu Bizanca Oriento instaliĝis feŭda aristokrataro, kiu kulminis kun la apero de la imperiestro Aleksio Komneno, konfirmanta la triumfon de la feŭda aristokrataro: sukceso de la armea povo super la civila. Samtempe la politikaj ambicioj de la Okcidento turniĝis al la Oriento pere de la krucmilitoj, de la Normandoj, kiuj, helpataj de la Venecia Respubliko, ne longe okupaciis grandan parton de Albanio.

### LA UNUA ALBANA PRINCA ŜTATO

En la 12-a jc la albanaj estroj sukcesis forskui la bizancan jugon, kaj en 1190 naskiĝis Albana Princlando sub la regado de *Progon*, kiu elektis *Krujë* kiel ĉefurbon. Temas pri la unua albana ŝtato de la Mezepoko, kiu vivis ĝis la jaro 1216. La albana princlando poste revenis al la Epira Princlando.

La 21-an de februaro 1272 Karlo de Anĵuo, reĝo de Sicilio, proklamis en Napolo la formiĝon de Albana Reĝejo, sub sia regado. Sed tiu regno ne daŭris longe, en 1286 la albana popolo, dum la bataloj inter bizancanoj kaj anĵuanoj, ribelis kaj devigis la anĵuanojn forlasi Albanion. Post tiu anĵua influo la albanoj estis minacataj de lokaj potencoj. Je la mezo de la 14-a jc Stefano *Duŝan,* serba caro, konkeris Makedonion kaj grandan parton de Albanio. Li mortis en 1355, kaj Albanio retroviĝis sub feŭda reĝimo kun diversaj luktoj ĝis la alveno de la otomanoj en 1385.

### RELIGIO KAJ LINGVO

En la 11-a jc la latina eklezio atingis Albanion tra Dalmatio, kreante proprajn katolikajn episkopejojn en kelkaj urboj. En 1054 okazis definitiva disiĝo inter la orienta eklezio kaj la romana malgraŭ oftaj postaj provoj far ambaŭ eklezioj por entrudiĝi en la teritorion de la alia.

Sed en la 13-a jc kun la kreo de la Latina Imperio de Oriento, la Okcidenta Eklezio plifortigis siajn poziciojn en Albanio. Kun la Albana Reĝejo de Karlo de Anĵuo triumfis katolikismo, kaj la lando estis dividita en du grandajn religiajn areojn: norde la Romanan Eklezion kaj sude la Bizancan. Albanio estis lima areo, kaj akraj bataloj disvolviĝis pro tio ĝis la triumfo de la islama religio en la 16-a jc.

Koncerne la lingvon necesas konsideri, ke ekde la 9-a jc, sub la bizanca povo, la greka lingvo estis forta en ĉiuj kampoj. Ekde la fino de la 11-a jc la latina lingvo komencis renaskiĝi en multaj nordaj centroj. Ĝuste en tiuj episkopejoj oni flegis rilatojn kun la urboj de la norda marbordo (Venecio, Raguso, Ankono, Spoleto).

Ekde la 12-a jc oni komencis uzi praslavan lingvon truditan en norda Albanio fare de la serbaj administrado kaj eklezio. La ĉefa centro, kie kreskadis tiuj tri lingvoj fremdaj al la albanoj, estis *Shkodër*. Pro malfortiĝo de la Bizanca Imperio la greka unue malaperis, kaj en la 14-a jc, pro la ĉefinfluo de la serboj, la slava plifortiĝis. Sed nek la greka, nek la latina, nek la slava sukcesis preni la lokon de la albana kiel parola lingvo. Ni ja povus hodiaŭ trovi atestojn pri sikriba albana lingvo el antaŭ la 15-a jc se la turka okupacio ne malaperigintus ĉiujn spurojn de ĝi.

### LA OTOMANA OKUPACIO

Ekde la 11-a jc la Bizanca Imperio estis atakita oriente fare de nova potenco: la turkoj, kiuj, konkerinte Malgrandan Azion, frontis la Orientan Imperion. Dum la 15-a jc la turkoj okupaciis preskaŭ tutan Balkanion, invadis Hungarion por malfermi al si vojon al centra Eŭropo, kaj Albanion en 1385 por eventuale pluiri Italien.

Komence Albanio ne povis rezisti la turkan invadon pro internaj konfliktoj, gravaj minacoj flanke de la serboj kaj bosnianoj norde, de la anĵuanoj sude kaj de la venecianoj okcidente. La turkoj tamen ne sukcesis okupacii la landon, sed ĝin konsideris kiel vasalan teritorion, konfidante la administracion al lokaj nobeloj bone kontrolitaj de ili. Samtempe Venecio premis, alianciĝante pli-malpli kun la turkoj,

por fariĝi reganto de la marbordaj albanaj urboj. Tiel prenita inter du potencoj kaj post la Kosova Batalo (aŭ Batalo de la Merlaj Kampoj) en 1389, kiu signis la malvenkon de la serboj kontraŭ la turkoj, la albanaj princejoj diseriĝis.

Post la malvenko de la turkoj dum la batalo de Ankaro kontraŭ Tamerlano en 1402, internaj konfliktoj momente malfortigis la Otomanan Imperion kaj mal(pli)pezigis ĝian premon en la balkanaj landoj. Post tiu krizo la turkoj denove invadis Albanion, kaj la sultano Mohamedo 1-a starigis garnizonojn kaj otomanan estraron en la citadelo de *Krujë*. Ankaŭ plurajn sudajn fortikaĵojn ili prenis en 1417, kaj suda Albanio estis konsiderata ne plu kiel vasala sed kiel aneksita lando. En la sudo la nobeloj perdis sian feŭdan povon, la turka administrado anstataŭis la albanan, la teroj de la liberaj kamparanoj kaj de la sinjoroj iĝis posedo de la otomana ŝtato, iliaj produktoj iris al la turkaj militistoj. La turka povo fariĝis vera katastrofo, vera socia regreso por suda Albanio, dum la nobeloj de la alia parto de la lando restis vasaloj pro militista rezisto en la regiono.



**Princejoj *Dukagjinit, Kastrioti, Arianiti* komence de la 15-a jc.**

### RIBELOJ DE SUDALBANAJ PRINCOJ

En la centro kaj en la nordo de Albanio tri grandaj princlandoj ludis tiam la unuan rolon: la princlando *Dukagjinit*, tiu de la *Arianiti* kaj tiu de la *Kastrioti*. La tri kovris krutajn montarajn regionojn malfacile traireblajn. Tie loĝis kamparanoj inter kiuj malmultaj estis servutuloj kaj plej multaj liberaj homoj posedantaj delonge militistajn tradiciojn. La familio *Kastrioti*, devenanta de *Krujë,* estis de freŝdata nobeleco. Fine de la 14-a jc *Gjon Kastrioti* iĝis reganto de eta marborda regiono sed devis rapide akcepti la suverenecon de la sultano. Post la batalo de Ankaro, kiu momente malfortigis la turkojn, li forĵetis tiun vasalecon kaj plilarĝigis sian povon al la la regionoj de *Dibër*, *Mat*, *Kurbin* kaj *Ishëm*.

Por provi kontraŭstari la turkan minacon li alianciĝis kun Venecio sen atendi veran helpon de la respubliko, kiu ne volis havi konfliktojn kun la turkoj. Ŝajnas, ke *Gjon Kastrioti* estis devigata kontrakti gravajn intertraktaĵojn kun la turkoj laŭ kiuj li devis, interalie, doni siajn kvar filojn en signo de vasaliĝo, kun tamen certeco, ke ili estos kristane edukitaj.

La rilatoj inter Venecio kaj la turkoj ĉiam pli akriĝis, kaj la albanaj princoj estis interpremitaj inter la du potencoj. Komence de la venecia-turka milito *Gjon Kastrioti*, kiel vasalo de la turkoj, sendis unu el siaj filoj batali kontraŭ Venecio en la vicoj de la otomana armeo kaj samtempe sendis du ambasadorojn al la Venecia Respubliko por aserti al ties Senato, ke li mem estas malamiko de la turkoj kaj ne kundividas la sintenon de la filo iĝinta "turko kaj muzulmano". La respondo de la Senato montris, ke ĝi ne fidas la parolon de tiu albana sinjoro, sed efektive *Gjon Kastrioti* ribelis kontraŭ la sultano. En 1430 la sultano *Murad* la 2-a sendis ekspedicion kontraŭ la ribelulo *Gjon Kastrioti*. Liaj fortikaĵoj estis ĝisbaze detruitaj kaj okupataj de otomanaj garnizonoj. Pli malfrue *Gjon* estis senigita de siaj posedaĵoj. Li konservis nur malgrandan areon en la marborda regiono nordoriente de *Krujë*. La turkoj aneksis ankaŭ la posedaĵojn de la aliaj princlandoj, kaj unu jaron poste la situacio de norda Albanio egalis tiun de la suda: ankaŭ tiu tero iĝis otomana posedo.


Vikimedio, aŭtoro: *Stefan Kühn*.

**Katelo de *Skanderbeg* en *Krujë*.**

### *Gjergi Kastrioti Skandenbeg*

La antaŭlasta el la gefiloj de *Gjon Kastrioti*, *Gjergj Kastrioti,* kromnomita *Skanderbeg*[4], famiĝis per sia lukto kontraŭ la turkoj. Li naskiĝis inter 1405 kaj 1412 kaj, laŭ lia unua biografo *Marinus Barletius*, estis unu el la kvar filoj donitaj kiel ostaĝoj al la sultano *Murad* la 2-a, kiu perfidis la kontraktajn kondiĉojn kaj igis la kvar junulojn konvertiĝi al la islama religio, tiel ke *Gjergj Kastrioti* ricevis la turkan

nomon *Skander*. La tri fratoj mortis suspekte, verŝajne venenitaj, sed *Gjergj* ĝuis bonvolemon de la sultano kaj povis fari brilajn studojn kaj partopreni militistajn ekspediciojn kun la turkoj, ricevante poste la milistan titolon *beg*.

Impona, belaspekta, intelekta kaj lerta en fizikaj ekzercoj, li ricevis, je la aĝo de 20-21 jaroj, la diplomon de *sipahi*[5]. Li revenis en 1426 Albanien en la antaŭajn posedaĵojn de sia patro, kien la turkoj sendis turkan administranton al kiu la loĝantoj ne volis submetiĝi. Laŭ la la peto de *Skanderbeg* li mem estis nomita *vali* (guberniestro) en la ĉirkaŭaĵo de *Krujë* malgraŭ malfido de la *Bey*[6]. Li tiam sekrete pretigis liberigan insurekcion kontraŭ la turkoj, kontaktigante Venecion kaj Raguson, kaj poste, *Alfonson* la 5-an de Napolo kaj *Ladislaon* de Hungario.

## LA INSUREKCIO DE 1443

Plu laŭ lia biografo *Barletius*, *Skanderbeg* forlasis la fronton de la turka batalo kontraŭ la hungaro *János Hunyadi* en 1443 por organizi en unu nokto la ribelon, kiu markis la komencon de la albana epopeo dum la 15-a jc.

La jaron antaŭan la hungaroj, estrataj de *János Hunyadi*, atakis la turkojn, kaj, kura-ĝigita de la unuaj sukcesoj, *Hunya-di* projektis no-van, pli vastan atakon la sekvan jaron. Tiucele li serĉis la apogon de la balkanaj popoloj kaj de la papo.

*Skanderbeg* estis ankaŭ instigita al ribelo de la kamparanoj loĝantaj sur la antaŭaj bienoj de la Kastriotioj. La momento ŝajnis favora por albana atako. *Skanderbeg* profitis de la konfuzo kreita de la hungaraj atakoj kaj renkontante turkan kancelieron, per minaco de spado, li postulis permesilon por eniri la fortikaĵon de *Krujë*. Li sendis propran nepon, *Hamza*, kiu perfekte parolis turke kaj sukcesis liberigi la fortikaĵon el la turkaj manoj. La insurekcio rapide disvastiĝis en ĉiuj bienoj de la Kastriotioj, kaj ili estis liberigitaj de la turka ĉeesto. La 27-an de novembro *Skanderbeg* proklamis en *Krujë* restarigon de la libera princlando de Albanio, hisante super la citadelon la kastriotan standardon kun nigra aglo sur ruĝa fono. Aliaj regionoj de la centro sekvis la ekzemplon de *Skanderbeg*. Tiu lasta persone kontaktis la albanajn sinjorojn kun la intenco kunvoki asembleon por ĉiuj albanoj. La sinjoroj des pli facile akceptis, ke ili estis ankaŭ kuraĝigitaj de la hungaraj sukcesoj, kaj la asembleo devis okazi en la urbo de *Lezhë*, tiam posedata de la venecianoj. La venecianoj kaj la ragusanoj estis invititaj sendi proprajn reprezentantojn, sed Raguso ne respondis kaj Venecio sendis nur observanton. Eĉ se Venecio estis interesita de tiu albana alianco kontraŭturka, ĝi ne volis rompi la pacon subskribitan kun la sultano en 1430.

Vikimedio, aŭtoro: *Albaniadavid*.

**"La retropelitaj turkoj ", de *Scutari*, julio 1478. Sturmo de la Kastelo de *Shkodër* fare de la otomanaj fortoj.**

La asembleo komencis sian laboron en marto 1444 kaj kunvenigis preskaŭ ĉiujn albanajn nobelojn. Ili akceptis politikan kaj militistan aliancon nomitan "Ligo de *Leszë*" aŭ "Albana Ligon", decidis krei albanan armeon kaj komunan fonduson nutritan de la sinjoraj kontribuoj, proporcie al ĉies ebloj. *Skanderbeg* estis elektita ĉefo de la Ligo kaj ĉefkomandanto de la federa armeo kun proksimume 18 000 homoj. Tiu ĉi ligo estis kreita nur por batali kontraŭ la turkoj, kaj la princoj konservis propran povon sur siaj teritorioj.

**LA UNUAJ VENKOJ DE SKANDERBEG**

*Skanderbeg* tuj eklaboris pri la organizo de albana armeo, kun aparta atento, konante mem la meritojn kaj malfortojn de la turka armeo. Fronte al la nombra supereco de la turkoj li devis elekti la militistojn kun plej granda zorgo. Li enkondukis devigan rekrutadon kaj starigis spionan servon por esti informita pri ĉiuj movoj de la diversaj militfortoj sur la tereno.

Junie de 1444 turka armeo de 25 000 homoj, komandita de *Ali Paşa*, eniris en Albanion tra *Ohrid*. *Skanderbeg* lerte manovris por kredigi, ke la albanoj estas en malbona pozicio, li altiris la turkojn en ebenaĵon ĉirkaŭitan de montaro, kaj kiam la turkoj opiniis, ke ili puŝis la albanojn en kaptilon, la albanaj fortoj kaŝitaj en la arbaro subite atakis la turkojn el ĉiuj flankoj, kaj la turka armeo estis disfuĝigita.

Tiu turka malvenko vekis la religian spiriton de la okcidentanoj, la papo Eŭgeno la 4-a proponis organizi novan krucmiliton, kaj *Skanderbeg* estis invitita al tio. *Murad* la 2-a, informita pri tiuj pretigoj, subskribis militpaŭzon devigantan al 10 jaroj da paco. Sed tuj poste li abdikis , rompante la kondiĉojn de la subskribita militpaŭzo. La reĝo *Ladislao* de Hungario malagnoskis la traktaton kaj petis al *Skanderbeg* interveni je lia flanko. Sed *Skanderbeg* hezitis, kaŭzante multekostan malvenkon al la hungaroj en Varno novembre de 1444. Unu jaron poste *Skanderbeg* havis la okazon venĝi la hungarojn venkante la turkan armeon. Tiu batalo plu evidentigis la strategiajn kapablojn de *Skanderbeg*.

Sed la Venecia Respubliko timis ke la plifortiĝo de la albanaj princoj kondukos al la perdo de iliaj urbaj posedaĵoj sur la marbordo. Ĝi do laboris al la malfortigo de la albana Ligo kaj de ties ĉefo, kreante disputojn kaj komplotante kontraŭ *Gjergj Kastrioti*. 24 jarojn *Skanderbeg* sukcese luktadis kontraŭ la turka invado. La 17-an de januaro 1468 li mortis en *Lejë*.

Ankoraŭ 11 jarojn poste plu luktadis la albanaj princoj sub la regado de la princo *Lek Dukgjin*, antaŭa kunlaboranto de *Skanderbeg*. Sed la 25-an de januaro 1479 post la falo de *Shkodër* (1474) kaj de *Krujë* (1478) Albanio transiris al la turka povo post subskribo de paco inter Venecio kaj Turkio. Venecio konservis la urbon de Duraso kaj du aliajn.

*Gjon Kastrioti,* filo de *Skanderbeg,* trovis rifuĝon en Napolo, kie li sukcesis kunigi kelkajn centojn da albanoj kun kiuj li revenis al Albanio kaj momente reprenis la povon en *Otranto* ĝis la jaro 1482. Sed en 1485 la turka supereco venkis kaj la turkoj por longe instaliĝis en Albanio, kiu fariĝis turka provinco. Ĝia ekonomio estis ruinigita, la urboj kvazaŭ komplete detruitaj kaj forlasitaj, la kamparo kaj la marbordo fariĝis dezertoj. La loĝantoj estis amase murditaj aŭ devigataj al elmigrado. La plej granda parto el ili fuĝis Italien, ĉu en la Napolan Reĝejon, ĉu en Kalabrion kaj en Sicilion, kie ili fondis novajn vilaĝojn albanajn aŭ arbreŝajn.



Vikimedio, aŭtoro de la fotografio: *Demetrio46*.

**Busto de *Skanderbeg,* skulptita en 1968 de albana artisto *Odhise Paskali*, kaj donacita de la Albana Respubliko al *Piana degli Albanesi*.**

La evoluo de Albanio al nacia ŝtato estis interrompita, ĝi regresis al feŭda socio.

*Skanderbeg*, kiu kapablis rezisti 24 jarojn al la turkoj, malgraŭ armeo multe malsupera laŭnombre, restis nacia heroo por multaj generacioj da albanoj. Pli ol pro siaj strategiaj kapabloj, li estis honorita kiel politikisto kapabla konstrui albanan unuecon.

La turka okupacio daŭris plurajn jarcentojn, sed rezistado plu okazis en la montaro, en la regionoj de *Dukagjin*, *Mirditë*, *Shpat* kaj *Labëria*. En 1596 nova ribelo sensukcesa okazis en la regiono de *Mat.*

La pezaj impostoj truditaj al la kristanoj igis multajn konvertiĝi al islamo.

La 17-a jc kun la malvenko de la turkaj fortoj en Vieno vidis la deklinon de la Otomana Imperio. Malrapide ekonomia refortiĝo ekis, aparte en la 18-a jc, kiam la produktado de luksaĵoj rapide kreskis. Tio donis novan kulturan impulson. Dum la 17-a jc estis fonditaj la unuaj lernejoj, sed tiu kultura movado disvolviĝis ne egale en la tuta lando. ***NM***

En la venonta numero: **La Diasporo.**

*Guiu Sobiela-Caanitz*

# KIEN IRAS SIRIO?

## *Artefarita ŝtato kun ĝranda kultura diverseco*

Tiu artikolo, verkita de *Guiu Sobiela Caanitz* en la romanĉa taggazeto *La Quotidiana*, celas komprenigi la situacion en Sirio. Kvankam ĝi aperis tute fine de 2012, ĝia enhavo plu aktualas – krom se tute laste la situacio draste evoluis, kiel ĉiam eblas en milito. Tamen la ĉefaj faktoj ĉiuokaze plu validas. Ni aldonu, ke en iom pli ol du jaroj tiu milito viktimigis verŝajne cent mil homojn morte, vundis ankoraŭ pli ofte kriplige kaj pelis tutcerte milionon da rifuĝintoj ĉu enlande, ĉu eksterlanden.

Svislando kaj apudaj landoj kreiĝis tra plurjarcenta historio. Male Sirio, de 1517 ĝis 1918, estis nur eta parto de la Otomana imperio. La *Meyers Konversations-Lexikon* de 1897 difinis ĝin «lando de azia Turkio sur la orienta bordo de Mediteraneo (…). Hodiaŭ oni nomas Sirio la tutan landon inter la rivero Eŭfrato kaj la araba dezerto oriente kaj la limo de Egiptio sude» (volumo 16, p. 623). Tio estis la historia Sirio. La hodiaŭa Sirio (p. 24) devenas de la divido de la konkeraĵoj en Proksima Oriento inter Parizo kaj Londono post la Unua Mondmilito; tiutempe la Ligo de Nacioj atribuis al Francio la administradon de partoj de Sirio kaj Mezopotamio por konduki ties popolojn al sendependo. Tiam Parizo apartigis de la resto la regionon de Libano, kiu sendependiĝis en 1943, kaj en 1939 neleĝe redonis al Turkio la teritorion de *Hataj* kun *Antakya*, la antika Antioĥo, kaj kun la *Musa Dagh* (Monto Moseo), fama pro historia romano pri la persekutado de la armena popolo. La resto (185 180 km$^2$) sen-dependiĝis kun la nomo Sirio. De preskaŭ du jaroj furiozas tie intercivitana milito aparte kruela. *Bedrohte Völker*, revuo de la Societo por la minacataj popoloj, dediĉas grandan parton de sia numero 4/2012 al etna kaj kultura diverseco de Sirio (ŝtato kun pli ol 20 milionoj da loĝantoj), montrante la ekstreman kompleksecon de la lando. Sekvas do resumo el tiu publikigaĵo.




Adaptaĵo de mapo el Vikimedio.

**1900: Otomanaj provincoj en la Siria regiono.**

### ALAVITOJ DOMINAS EN LA REĜIMO

La frontartikolo estas subskribita de la ĵurnalisto *Rupert Neudeck*, aktivulo pri la homaj rajtoj, aŭtoro interalie de "*Vertrieben - verjagt. Das Schicksal der Kurden*" (Elpelitaj - forpuŝitaj: la destino de la kurdoj) (1992). Skribas *Neudeck*: «Kontraŭ ĉio furiozas tie la armeo, tre efike pretigita de la registaro. Ĝi detruas la infrastrukurojn, la loĝatajn kvartalojn, kaj mortigas homojn kun senkompata brutaleco (…). Jam delonge okazas tie militaj kaj kontraŭhomaraj krimoj (…). La siria reĝimo faris ĉion, kio malrespektas la Ĝenevajn interkonsentojn, bombante kaj pafante eĉ hospitalojn (…). Oni ankoraŭ ne povas antaŭvidi, ĉu finiĝos tiu milito kaj kun ĝi la teruraj suferoj de la civila loĝantaro» (p. 4). Sekvas kontribuo de la politologo *Ferhad Ibrahim* (universitato de *Erfurt*) pri Sirio ekde la jardekoj de la franca superregado: «Parizo nete apogis sin sur la minoritatoj de Sirio, kiel alavitoj kaj druzoj, por malaperigi la naciismon de la plimulto islama ortodoksa. Plie Francio logis alavitojn kaj aliajn malplimultanojn al la armeo; (…) tiel malfermiĝis la vojo de alavitoj al ĉiopovo post 1970 (…). En 1971 la alavita generalo *Hafis al-Assad* estis elektita kiel prezidento kun 99,3 % de la voĉoj (…). La konstitucio de 1973 difinis Sirion kiel socialisman, sekularan ŝtaton; el tio la subteno de *Assad* al kristanoj, druzoj kaj alavitoj (…). Fine de la sepdekaj jaroj la alavitoj okupis la plej altajn gradojn en la armeo (…). Danke al sia ekonomia politiko liberala *Assad* alligis al si la islamanojn riĉajn (…). Tiel li povis sufoki la ribelon de la Islama Frataro (1981-1982): la reprezalio faris 30 000 civilajn viktimojn en la amasbuĉado de *Hama* en 1982 (…). Eta parto de la siria loĝantaro povis lukse vivi, kondice ke ĝi restu fidela al la oficiala ideologio, sed la plimulto vivis malriĉe kaj sub politika premo (p. 17-18)».

### SANGAVIDA DIKTATURO

La kurdo *Vindar Sido* (*Bonn)* klarigas la ideologion de la prezidento *Hafis el-Assad* (1930-2000) kaj de lia filo kaj posteulo *Baŝar*: «La araba nacio kreas la komunan identecon kaj prifajfas la etnajn kaj religiajn diferencojn. Sur tiu ideologia fundamento la reĝimo subpremas religiajn kaj etnajn minoritatojn (…). En majo 2012 ĝi denove uzis pezan artilerion kontraŭ civiluloj, bombardante partojn de la vilaĝo *Al-Haula* (provinco de *Hims/Homs*. NdR). Inter la 108 viktimoj estis 49 infanoj. Observantoj de UN raportis, ke oni alpafis multajn vilaĝanojn, ankaŭ etajn infanojn. En la masakro, kiu okazis en la vilaĝo *Qubair* apud *Hama* en junio 2012, mortis almenaŭ 86 homoj. Oni pafis al observantoj de UN, kiuj volis ekzameni la krimon kaj estis malpermesite al ili eniri la vilaĝon (…). *Baŝar* daŭrigis la sangavidan tradicion de sia patro, (…) klare malrespektante la internacian juron» (pp. 19-20). La proksimume tri milionoj da kurdoj vivantaj en norda Sirio, kun sia irana lingvo, formas la ĉefan malplimulton en la lando. La kurda orientalisto kaj tradukisto *Kamal Sido* (*Göttingen*), redaktoro de *Bedrohte Völker*, skribas: «Nur parto de la alavitoj profitas el la situacio (…). Nun la protestoj fariĝis civita milito. Tial la alavitoj sendistinge devis suferi reprezaliojn fare de la islama plimulto (…). Ekzemple en *Hims/Homs* en centra Sirio la alavitaj virinoj denove devas timi por sia vivo. Por sin kaŝi ili surmetas kapvualon kaj eĉ kolierojn kun kruco» (p. 24). La ortodoksa islamo rigardas la alavitojn kiel herezulojn, tial ke ili kultadas la kalifon *Alì ibn Abì Talib* († 661) kiel dian estulon – el kio fontas la nomo alavito.

### LA KURDOJ EN LA FAJRA PATO

La politologo *Thomas Schmidinger* (Viena Universitato) dediĉis du paĝojn de *Bedrohte Völker* al la siriaj kurdoj: «La Islama Frataro dominas la araban opozicion [kontraŭ la reĝimo]. Tial la kurdoj timas iri en la fajran paton (…). En norda Sirio la reĝimo toleras kulturajn centrojn kaj lernejojn kurdlingvajn, kiel ankaŭ verajn kurdajn aŭtoritatojn, por malpermesi al la [araba] opozicio preni la povon en ilia regiono» (pp. 25-26). Plej minacata estas la eta komunumo kurda de la jezidoj, persekutitaj de la fundamentistaj islamanoj en Irako. En norda kaj nordorienta Sirio vivis en 1990 12 256 jezidoj, en 2008 nur 3 357. Multaj migris al Eŭropo, precipe al Germanio; ili plejmulte vivas en Irako. «Ili kredas je Dio ununura kaj bona, kiu regas la mondon helpe de anĝeloj (…). La homoj estus submetitaj al re-enkarniĝo (migrado de la animoj) kaj fine al la lasta juĝo».



El Vikimedio.

**Poŝtkarto eldonita en Bejruto: Jezida grupo sur la montaro *Sinjar*, je la landlimo kun Irako.**




Adaptaĵo de mapo el Vikimedio.

**La hodiaŭa Sirio.**

### NECERTA ESTONTO POR DU KRISTANAJ ETNOJ

En Sirio oni parolas ne nur arabe kaj kurde, sed ankaŭ en iu moderna formo de la aramea. La publicisto *Raif Toma* diras: «La lingvaj kaj kulturaj riĉaĵoj de tiu ŝtato ne povas sin disvolvi sub la nuna reĝimo. Tio koncernas ankaŭ la kristanajn sirianojn aramelingvajn (…) ĉiam pli senigitajn je la propra historia identeco, kiu esprimiĝas en iliaj lingvo kaj kulturo. La celoj de la revolucia movado estas timigaj: tial la asirianoj plejofte evitas aktive asociiĝi al la agadoj de la opozicio. Ili timas troviĝi inter du frontoj. Ilia objeto kontraŭ ŝanĝo de reĝimo estas, ke povus establiĝi islama ŝtato. Laŭ la lernejaj manlibroj Sirio ĉiam estis araba lando; ili silentas pri la influo de aliaj popoloj sur ĝia kulturo, lingvo kaj historio (…). La aktivuloj de la asiria nacia movado subtenas la ŝtatan unuecon de Sirio, sed tio ne devas signifi lojalecon al la nuna reĝimo. Ili vere volas (…) antaŭenigi la pacan kunvivadon de ĉiuj etnaj grupoj kaj pliprofundigi la kunlaboradon kun la laikaj movadoj» (p. 30). *Werner Arnold*, instruisto en la seminario por la lingvoj kaj kulturoj de proksima oriento en la universitato de *Heidelberg*, skribas: «Je proksimume 50 km de Damasko situas la montara

vilaĝo *Malula* (1500 m super la marnivelo) (…). Tie kaj en du najbaraj vilaĝoj la aramea supervivis kun maksi-mume 15 000 parolantoj (…). En 2010 la siria registaro fondis lingvan instituton aramean en *Malula* (…). Oni tamen povas dubi, ĉu la aramea en Sirio postvivos la ribeladon» (p. 31). *Kamal Sido* dediĉas la p. 32 al la etna grupo armena en Sirio: ĉirkaŭ 300 000 homoj, el kiuj 30 000 – 40 000 en la urbo Alepo (*Halep*) ne for de la turka landlimo. Ili okupiĝas pri siaj lingvo kaj kulturo en propraj lernejoj (16 en Alepo). «La sangelverŝa civita milito stimulis la elmigradon; tio povus signifi la finon de komunumo, kiu trovis patrolandon en Sirio antaŭ pluraj jarcentoj». Ekster tiuj komunumoj la kristanoj de Sirio (inter 1,5 kaj 3 milionoj) estas arablingvaj.



El http://www.flickr.com.

**En *Margadeh* proksime de *Dair ez-Zor*, Sirio, por la 94-a datreveno de la armena genocido.**

### LA DRUZOJ KAJ ILIA KAŜITA RELIGIO

La ĉirkaŭ 300 000 druzoj arablingvaj de Sirio formas unu el la pli etaj komunumoj de la lando, sed eble la plej misteran. *Kamal Sido* kaj *Lennard Scheffel* dediĉas la paĝon 33 al la druzoj: «Ili vivas en sudorienta Sirio, en la montoĉeno *Ĵebel ad-Durus* (la druza montaro) (…). Ĉefe la ortodoksaj islamanoj ne konsideras ilin kiel islamanojn, i. a. ĉar la druzoj kredas, ke la animo de homo, kiam li mortas, tuj eniras en novnaskiton. Ilia doktrino disvolviĝis al kaŝita religio, kiun nur ĝiaj anoj konas (…). Hodiaŭ multaj druzoj malkontentas pri la reĝimo». La tuta araba mondo konas tiun komunumon dank' al nobela familio el *Ĵebel ad-Durus*, la *al-Atraŝ*, kiu batalis kontraŭ la franca okupacio kaj fuĝis al Egiptio. Tie la gefratoj *Amal* (“*Asmahan”*, 1917-1944) kaj precipe *Farid* (1910-1974) riĉigis kiel malmultaj antaŭe la araban muzikan vivon - “*Asmahan*” kiel kantistino kaj *Farid* kiel kantisto, komponisto kaj kina aktoro. Tiu ĉi lernis de la patrino ludi la *aùd*, kiu estas fama korda muzikilo araba; tial li distingiĝis ankaŭ kiel instrumentisto.

### KIALOJ POR NE FIDI

*Kamal Sido* titolis sian konkludon (p. 48) “La Araba Printempo en Sirio estos alia”. Li skribas: «Antaŭ nelonge pliiĝis la alvokoj (…) al la malplimultoj, por ke ili aliĝu al la ribelado kontraŭ la diktaturo de *Assad*. Tiuj alvokoj ŝajnigas, ke la malplimultoj ne ribelemas kontraŭ la tirano (…). Sed ili vere protestis, eĉ se nur pace. La alvokoj de la opozicio celas precipe al konvinko de la malplimultoj, por ke ili ne plu timu malcertan estonton sub novaj despotoj (…). Jam delonge la malplimultoj sopiras pri laika ŝtato, kie ĉiuj homoj estu egalaj antaŭ la leĝo. Sed post eventuala falo de la diktaturo de *Assad* regos verŝajne ne la demokrataj kaj laikaj aŭ liberalaj fortoj, sed plej probable la Islama Frataro aŭ aliaj politikaj organizoj eĉ pli radikalaj. La islamistoj povus facile venki kun la helpo de Saud-Arabio, aliaj ŝtatoj de la Golfa regiono, islamisma Turkio kaj iuj eŭropaj landoj. La diskriminacio de la koptaj kristanoj en Egiptio same kiel la planitaj murdoj de berberoj kaj tubuoj en Libio fare de arabaj milicoj islamismaj montras, ke minoritatoj havas tre seriozajn kialojn por ne fidi registaron estratan de islamistoj kaj arabaj naciistoj».

### SOMBRAJ PERSPEKTIVOJ

Tial skribas la juristo *Daniel Högger* (universitato de Bazelo) en ĵus publikigita verko: «La siria nacia koalicio ne plenumas la kondiĉojn por agnoskiĝi kiel (ekziliĝinta) registaro (…). Tamen estus kerne ĝin memorigi kiel novan aktoron en tiu konflikto kaj ĝin agnoski kiel partion, por ĝin enkalkuli poste kiam planiĝos kaj plenumiĝos engaĝiĝo de Svislando en Sirio.» *Högger* eksplicite kritikas la deklarojn de la prezidento *François Hollande*, de la Konsilio de la Golfaj Ŝtatoj, de la brita ministro *William Hague* kaj de la prezidento *Barack Obama* favore al la siria nacia koalicio. *The Economist* de la 22-a de decembro skribas: «La 12-an de decembro ministroj de pli ol cent registaroj, kunvenintaj en la maroka urbo Marakeŝo, agnoskis la koalicion kiel laŭleĝan reprezentanton de la siria popolo.» (p. 53). Tiaj deklaroj povas nur pravigi la sombrajn antaŭvidojn de *Kamal Sido*. *Jürg Bischof* skribas en la *Neue Zürcher Zeitung* de la 21-a de decembro: «La opozicio estas malunueca, kaj la batalantoj de la “sankta milito” estas pli kaj pli influhavaj. Tial la fino de la milito signifas nekalkuleblan riskon (…). Pro la streĉoj ene de la opozicio oni devas timi konflikton inter islamistoj kaj laikistoj, kiel okazas en Tunizio kaj Egiptio (…). La alavitoj kaj aliaj malplimultanoj timas la venĝemon de la venkintoj kaj pretas defendi ĉiakoste siajn vilaĝojn kaj kvartalojn, provante ilin transformi en memstarajn rezistejojn (…). La lasta eblo por eviti abomenaĵojn konsistus el komuna agado de la potencoj por konduki la reĝimon kaj la opozicion al armistico kaj intertraktadoj.» (p. 3).

El la romanĉa tradukis *Alain Favre*.

*Richard Schneller*

# LA ROLO DE LA ROMANĈAJ RADIO KAJ TELEVIDO

Retoromanĉio[1] retrorigardas ĉi-jare al du gravaj eventoj en la nuntempa evoluo de tiu minoritata lingvo: antaŭ 75 jaroj (1938) Svislando decidis per popola voĉdono la oficialan agnoskon de la retoromanĉa kiel kvara nacia lingvo. Antaŭ 50 jaroj (1963) okazis la unua radioelsendo por romanĉlingvanoj.

RTR Radiotelevisiun Svizra Rumantscha

INTERPRESA | SRG.R | SERVETSCHS | MEDIAS | PLAZZAS

tschertga

IMPRESSUM | CONTACT

NOVITADS RADIO TELEVISIUN DOSSIERS DIVERTIMENT PODCAST

Vus essas qua: Home Dossiers

Guardar rumantsch - 50 onns Televisiun Rumantscha

RTR 50 onns TELEVISIUN RUMANTSCHA guardar rumantsch

Ils 17 da favrer 1963 è vegnida mussada l'emprima emissiun televisiva rumantscha: il Balcun tort. Dapi 50 onns cumpara il rumantsch ussa regularmain en televisiun - oz cun var 100 minutas d'emissiun per emna. dapli

Tranter tschiel e terra

TRANTER TSCHIEL E TERRA

Sin la plazza aviatica a Kloten lavuran bleras persunas. Tranter quellas era divers rumantschs. Il Telesguard ha accumpagnà trais dad els durant in di da lavur. In pilot tar la Swiss, in controllader dal traffic aviatic ed in che surveglia... dapli

Campiunadi mundial da skis nordic 2013

Davent dals 20 da favrer enfin ils 3 da mars 2013 è il campiunadi mundial da skis nordic en la Val di Fiemme en l'Italia. Suenter ils onns 1991 e 2003 è quest campiunadi mundial da skis nordic per la terza giada en la Val di... dapli

Votaziuns dals 3 da mars 2013

Il Grischun decida davart daners e candidatura per ils XXIV. gieus olimpics d'enviern en il Grischun, davart elecziuns da proporz e cumpetenzas dal cussegl grond. La confederaziun decida davart l'iniziativa cunter raffaders, davart la... dapli

Archivs

2013
2012
2011
2010
2009
2008
2007
2006

Radio

Tadlar radio (PC)
Tadlar radio (Mac)

Program

26-02-2013

| Temp | Emissiun |
|---|---|
| 17.50 | **Meteo** |
| 18.00 | Novitads |
| 18.06 | RTR cumpact - survista dal di |
| 18.15 | Echo der Zeit da SRF |

Musica actuala

Giubileum

Guardar rumantsch - 50 onns Televisiun Rumantscha

RTR 50

La eventon de 1938 oni devas kompreni en la tiama antaŭmilita kunteksto (en la kadro de la nacia defendo spirita) kiel reago al la agresemo de *Mussolini*, kiu planis anekson de la svisa Romanĉio al Italio. Kontraŭe la eventoj de 1963 estis ligitaj al la teknika evoluo. Ambaŭ eventoj havis simbolkarakteron kaj vivigis la *movimaint rumantsch* (romanĉa movado) kun siaj institucioj kaj organizaĵoj interne kaj ekstere de Grizono kaj entuziasmigis grandan parton de la romanĉlingvanoj.

Tio ne estis memkomprenebla. Ekde la jaro 1919 ekzistis la tegmenta organizaĵo superregiona *Lia Rumantscha* (Romanĉa Ligo), sed ĉiuj romanĉaj valkomunumoj havis siajn proprajn lingvajn kaj kulturajn organizaĵojn. Ili ne estis nur geografie, sed ankaŭ konfesie strikte dividitaj. Estis epoko de diskutoj kaj konkurado inter la diversaj idiomoj, sed ankaŭ vigla ekiro sur novaj vojoj.

Radio kaj televido pozitive favorigis la interkomprenon de la diversidiomaj parolantoj. Laŭ

*Mariano Tschuor* – kiu estas en la neofta situacio uzi la romanĉan ankaŭ profesie kiel direktoro de la romanĉaj radio kaj televido (*RTR*) – la diferenco inter la idiomoj ne estas pli granda ol ekzemple inter parolanto de la alemana el Apenzelo kaj alia el Valezo, ambaŭ kun karakterizaj dialektoj. La nuntempa generacio romanĉlingva senprobleme interkompreniĝas. Kiel konate la plejparto de la romanĉoj estas cetere almenaŭ dulingvaj romanĉa/germana (alemana).

### LA PIONIROJ

En la jaro 1946 fondiĝis la societo *Pro radio rumantsch* (Por romanĉa radio), kiu poste transformiĝis al *Cuminanza rumantscha da radio e televisiun, CCR* (romanĉa Komunumo de radio kaj televido) kaj nomiĝas hodiaŭ *Radiotelevisiun Svizra Rumantscha* (*RTR*). Ĝi estas unu el la kvar sekcioj de la tutsvisa organizaĵo pri radio kaj televido (*SRG*). La romanĉa radio elsendas nuntempe tuttagan programaron varian.

Prepare al la unuaj televidelsendoj okazis viglaj diskutoj por solvi la teknikajn problemojn de la nova komunikilo, sed ankaŭ ekestis demandoj pri la decidpovo de la ĉefaj agantoj enplektitaj: unuflanke la romanĉaj valoj Engadino kaj Surselvio, aliflanke la kantonoj Zuriko kaj Grizono. Fine oni interkonsentis pri jubilea elsendo “25 jaroj post la federacia voĉdono en 1938”. El tiu komenco evoluis respektinda programaro. La magazino *Balcun tort* (orielo) tiam estis populara same kiel la rakonto de bona nokto por la infanoj *Istorgia da buna notg* (Rakonto por bona nokto).

### NUNTEMPA PROGRAMARO

Meze de la okdekaj jaroj ĝis komence de la naŭdekaj oni malpli koncentriĝis al lingvaj kaj kulturaj temoj kaj ekpritraktis la aferojn pli ĵurnalisme. Hodiaŭ la romanĉa televido (*RTR*) produktas elsendojn de ĉirkaŭ 100 horoj jare: ili estas la ĉiutagaj dekminutaj informoj *Telesguard* (Telerigardo), la ĉiusemajna elsendo por junuloj *Minisguard* (Minirigardo) kaj la duonhora dimanĉa magazino *Cuntrasts* (Kontrastoj) kun intervjuoj kaj dokumentaj filmoj. Novaĵojn de ĝenerala intereso oni elsendas en la interlingvo *Rumantsch Grischun* kaj pri regionaj temoj en la respektivaj idiomoj.

La romanĉaj elsendoj de televido okazas unue sur la alemana kanalo kun ripeto sur la romanda kaj la tiĉina. La novaj teknikoj ebligas vidi kaj aŭskulti la programojn de la romanĉaj radio kaj televido sur ties portalo *RTR* interrete *(http://www.rtr.ch/home.html).*

### BONE PRIZORGATA MINORITATO

Ĉiu lingva kaj kultura regiono bezonas formon por prezentado, videbleco kaj pripensado. La svisa Romanĉio ne disponas pri samlingva regiono ekstera kaj do povas kalkuli ĉefe nur je siaj propraj fortoj. Tamen ĝi ricevas simpation kaj subtenon de la cetera Svislando (ĉefe de la alemana parto) kaj profitas de konstituciaj lingvorajtoj. La federa strukturo de la svisa tegmenta organizaĵo por radio kaj televido (*SRG*) kun ties politiko de ekvilibrigo inter la regionoj ebligas hodiaŭ proponi al la retoromanĉoj programon aŭdvidan kaj multmedian elstaran, se oni komparas ĝin kun aliaj programoj de minoritataj lingvokomunumoj en Eŭropo.

**Notoj**

Por ĉi tiu artikolo mi uzis informojn interrete atingeblajn:
http://www.nzz.ch/aktuell/startseite/warum-es-radiotelevisiun-svizra-rumantscha-braucht-1.18014795
(en la germana)
kaj radiointervjuon kun *Mariano Tschuor*, direktoro de *RTR* (en la alemana):
http://www.srf.ch/sendungen/tagesgespraech/mariano-tschuor-direktor-von-radio-televisiun-rumantscha
Rigardinda dokumenta filmo pri minoritato: “La romanĉoj – malmultaj sed bone prizorgataj” (en la romanĉa kun germanaj subtitoloj):
http://www.rtr.ch/home/televisiun/emissiuns/Cuntrasts-sin-SRF-1/2013/02/20130210-1725-Ils-Rumantschs-Paucs-ma-bain-tgirads.html
Pri la romanĉa lingvo en Vikipedio:
http://eo.wikipedia.org/wiki/Romanĉa

***RS***

[1] NdR: Vi rimarkis, ke la aŭtoro, laŭ sufiĉe kutima maniero inter romanĉparolantoj kaj germanlingvaj fakuloj, sinonime uzas la terminon “retoromanĉa” kaj “romanĉa” por unu el la naciaj svisaj lingvoj parolata en la kantono Grizono kaj historie okupata de la retoj antaŭ sia romanigo.

Por klarigi la pli-malpli oficialan uzon kompare kun la difino de PIV, ne tre kontentiga, ni donas ĉi tie la difinon de romanĉparolanto, *Iso Camartin*, aperantan en referencinda verko pri la temo: *Die vier Literaturen der Schweiz* (ĉapitro 4: *Die rätoromanische Literatur der Schweiz). Zürich*, *Pro Helvetia* 1995, p. 152:

«“Retoromanĉa” estas kolektiva nomo por grupo da romanidaj etlingvoj en la centra regiono de Alpoj kaj en Friulo. La nocio estas miskomprenebla, ĉar, laŭ nuntempa kompreno, nur parto de la koncerna regiono estis loĝata antaŭ la romanigo de la retoj. Oni distingas hodiaŭ interne de la retoromanĉa tri ĉefgrupojn: la “grizona romanĉa”, kiun oni parolas en la kantono Grizono en Svislando (ĉ. 50 000 parolantoj), la “dolomita ladina”, kiu estas parolata en diversaj valoj de Alta Adiĝo/Sudtirolo (ĉ. 20 000), kaj la “friula” en la regiono Friulo-Venecio Julia (ĉ. 430 000). Spite al iuj lingvohistoriaj komunecoj la diferenco inter la tri grupoj estas granda pro iliaj apartaj politikaj kaj ekonomiaj historioj.»

# La Kataluna Parlamento aprobas deklaron pri suvereneco

**ANTAŬPAROLO** (eltiraĵo)

Lastatempe, cele al demokratia plifortikiĝo, plej multo de la katalunaj politikaj kaj sociaj organizoj starigis rimedojn por doni alian formon al la politika kaj jura kadroj. La plej lasta konkretiĝis en proceduro por reformi la Statuton pri Aŭtonomio, iniciatita de la Parlamento en la jaro 2005. La malfacilaĵoj kaj neadoj truditaj de la hispanaj organizoj, el kiuj estas atentigenda la verdikto de la Konstitucia Tribunalo 31/2010, egalas radikalan neadon pri la demokrata evoluo de la kolektiva volo de la kataluna popolo ene de la hispana ŝtato, kaj starigas bazon por regreso de la memregado, hodiaŭ kristalklare videbla en la aspektoj politikaj, financaj, sociaj, kulturaj kaj lingvaj.

La kataluna popolo esprimis plurmaniere sian deziron superi la stagnadon kadre de la hispana ŝtato. La amasaj manifestacioj de la 10-a de julio 2010, sub la devizo "Ni estas nacio, ni decidas" kaj de la 11-a de septembro 2012, sub la devizo "Katalunio nova ŝtato de Eŭropo", esprimas la civitanan rifuzon fronte al la malrespekto de la popolaj decidoj katalunaj.

La 27-an de septembro 2012, per la rezolucio 742/IX, la Kataluna Parlamento konstatis la bezonon de la kataluna popolo decidi libere kaj demokrate pri sia kolektiva estonto pere de politika konsulto. La plejlasta baloto pri la Kataluna Parlamento, la 25-an de novembro 2012, esprimis kaj konfirmis tian volon en maniero klara kaj nedubebla.

Por efektivigi tiun proceduron, la Kataluna Parlamento, kunveninta por la unua sesio de la deka parlamenta periodo kaj reprezentante la volon de la kataluna civitanaro demokrate esprimita en la lasta baloto, formulas la sekvan deklaron pri suvereneco kaj pri la rajto je decido de la kataluna popolo.

## DEKLARO PRI SUVERENECO KAJ PRI LA RAJTO JE DECIDO DE LA KATALUNA POPOLO

Laŭ la volo, demokrate esprimita, de la plejmulto el la kataluna popolo, la Kataluna parlamento decidas startigi la proceduron por ke la katalunaj gecivitanoj povu decidi pri sia politika kolektiva estonto laŭ la sekvaj principoj:

- **Suvereneco**: La popolo de Katalunio posedas, pro demokratiaj legitimaj motivoj, la karakterizojn de politika kaj jura subjekto suverena.

- **Demokratia legitimeco**: La proceduro de disvolvigo de la rajto pri decido estos skrupule demokrata, garantiante aparte la respekton kaj plurecon de elekteblecoj, pere de debatado kaj dialogado ene de la kataluna socio kaj kun la celo ke la fina voĉdona rezulto esprimu la volon de la popola majoritato, kio konsistigos la esencan fundamenton de la rajto pri decido.

- **Travidebleco**: Oni disponigos ĉiujn necesajn ilojn por ke la civitanaro kaj la kataluna civila socio ricevu ĉian informon kaj la bezonatajn konojn por efektivigi la rajton pri decido kaj por instigi la partoprenon en la proceduro.

- **Dialogo**: Dialogo kaj negocado kun la Hispana Ŝtato, kun la eŭropaj institucioj kaj kun la internacia komunumo entute, estos proponata.

- **Socia kohereco**: Oni garantios la socian kaj teritorian koherecon de la lando kaj la volo, tiomfoje esprimita de la kataluna socio, konservi Katalunion kiel unusolan popolon [aludo al amasaj enmigradoj en diversaj epokoj, traduknoto].

- **Eŭropo**: Oni defendos kaj disvastigos la fondprincipojn de Eŭropa Unio, aparte la fundamentajn rajtojn de la civitanoj, la demokration, la sansistemon, la solidarecon inter la diversaj popoloj de Eŭropo kaj la veton por la ekonomia, socia kaj kultura progresoj.

- **Leĝeco**: Oni uzos ĉiujn ekzistantajn leĝokadrojn por efektivigi la plifortigon de la demokratio kaj la disvolvon de la rajto pri decido.

- **Rolo esenca de la parlamento**: La parlamento, kiel reprezentanta institucio de la kataluna popolo, havas esencan rolon en tiu proceduro kaj, sekve, oni devos akordi kaj konkretigi manierojn kaj ritmojn de laboro por garantii tiun-ĉi principon.

- **Partopreno**: La Kataluna Parlamento kaj la registaro devos partoprenigi en tiu-ĉi proceduro la lokajn instancojn kaj la maksimumon de la politikaj fortoj, ekonomiajn kaj sociajn agantojn kaj kulturajn kaj civitanajn societojn de nia lando kaj konkretigi la rimedojn por garantii ĉi principon.

La Kataluna Parlamento instigas la tutan civitanaron esti aktiva kaj ĉefrolulo en tiu demokrata proceduro pri la efektivigo de la rajto je decido de la kataluna popolo. Parlamenta sidejo, 22-a de januaro 2013

El http://www.vilaweb.cat/noticia/4076953/20130124/traduccions-declaracio-sobirania-parlament-catalunya.html
Vidu ankaŭ: http://esperanto.cat/web/Hispanio-kaj-Katalunio-Sxlosiloj?lang=eo; ***Etnismo*** 90, p. 11 - 16.

# KONCIZE EL...

Sekvo de la p. 15

kiu estis kunlaborintaj indiĝenoj, surtabligis projekton por modifo de la konstitucio.

La 13-an de februaro 2013, la parlamento de Aŭstralio akceptis leĝoprojekton, per kiu la indiĝenoj estas agnoskitaj kiel originaj loĝantoj de tiu kontinento. Sed tia leĝo ne povas vere kontentigi la koncernatojn, ĉar ĝi estas relative facile ŝanĝebla. Jam trifoje tio ĉi okazis per simpla malvalidigo de la leĝo el 1975 kontraŭ diskriminaciado. La defendantoj de indiĝenaj rajtoj postulas, kiel minimumon kaj kiel unuan paŝon survoje al efektiva protektado, envicigon de substanca regulo en la korpon de la aŭstralia konstitucio. Eĉ plenumo de tiu postulo ne vere solvus la problemon. Necesas agnosko de la suvereneco de la diversaj indiĝenaj etnoj kaj internacijuraj kontraktoj inter tiuj unuaj loĝantoj kaj la ŝtato. Sed el tio certe rezultus amasego da procesoj por akiri konkretan ekonomian kompenson de materiaj perdoj kaŭzitaj al la indiĝenoj tra pli ol 200 jaroj far la blankuloj. Krome, nur unu indiĝeno membras en la parlamento, do, baldaŭa ekiro tiudirekten estas utopia.

En Aŭstralio vivas proksimume 513 000 indiĝe-noj, t. e. 2,3 % de la tutŝtata loĝantaro, kiu atin-gas 22 621 000. Jen la distribuiĝo laŭ la federacianaj ŝtatoj aŭstraliaj:

| | |
|---|---|
| Novsud Kimrio | 152 700 |
| Kvinslando | 144 900 |
| Okcidentaŭstralio | 71 000 |
| Norda Teritorio | 64 000 |
| Viktorio | 33 500 |
| Sudaŭstralio | 28 000 |
| Tasmanio | 18 400 |
| Aŭstralia Ĉefurba Teritorio | 4 200 |

*Uwe Joachim Moritz*

Informfontoj: Wikipedia (Aborigines)
Dutch Times, 14. 02. 2013, p. 3 - Fischer Weltalmanach 2013, p. 50/51




Adaptaĵo de mapo el Vikimedio.

**Mapo de la aborigenaj regionoj (malhele sikribitaj) en Aŭstralio.**

**Interreta Domajno de la Plej Alta Nivelo por bretonoj, galegoj kaj eŭskoj:** La 10-an de majo la bretonoj ricevis la rajton uzi fine de retadreso (persona aŭ reteja) la literaron **bzh**, res-pondan al la Interreta domajno de la plej alta nivelo (IDPAN).

Longega kaj kostega estis la pretigo de tiu kandidato. Jam en 2005 la katalunoj ricevis la rajton uzi la Interretan do-majnon de la plej alta nivelo -.cat- kaj tiel malfermis la vojon. La unua ideo pri IDPAN por Bretonio estis lanĉita en 2004 de la finistera deputito *Christian Ménard,* kaj *Mikael Bodlore-Penlaez* inicatis perretan peticion pri tio, kiu ricevis pli ol 20000 subskribojn. Municipoj kiel *Ille-et-Vilaine*, departe-mentoj kiel tiu de Finistero, kaj la Regiona Konsilio de Bretonio subtenis la projekton.

En 2007 la Regiona Konsilio de Bretonio konfidis al la asocio *Bretagne Prospective* la taskon studi la realigeblecon de tiu projekto. El la rezulto de tiu studo naskiĝis en 2008

la asocio -.bzh- aŭ *Point BZH* (Punkto BZH), kun la celo kandidatigi Bretonion al la ricevo de tiu -.bzh-, laŭ la bretonligva *Breizh* por Bretonio. Tiu ĉi asocio devis unue kunmeti dosieron de kandidatiĝo kaj kunigi la monon necesan al la kandidatigo, kaj al diskonigo de tiu projekto en la bretona komunumo.

La projekto -.bzh- ricevis la subtenon de diversaj politikistoj, *Nicolas Sarkozy*, *Jean-Yves Le Drian*, *François Fillon*, *Nathalie Kosciusko-Morizet*, *Eric Besson* ktp. Ekde 2008 Punkto BZH ricevis la financan kontribuon de 21 000 subtenantoj, inter kiuj la Regiona Bretona Konsilio, la Kultura Ministerio, la Komunumo de *Quimper*, la departemento *Loire-Atlantique,* kaj de siaj 300 membroj pere de la kotizoj.

Nur por submeti la kandidatecon al *ICANN*, *Internet Corporation for Assigned Names and Numbers* (Interreta Korporacio por atribui Nomojn kaj Ciferojn) necesis elspezi € 138 000.

Ĉirkaŭ la 10-a de junio la eŭskoj ricevis la saman rajton uzi -.eus- kiel IDPAN. La asocio *Puntueus*, kreita la 2-an de aprilo 2008, reprezentis la Komunumon de la Lingvo kaj Kulturo Eŭskaj (*Euskara eta Euskal Kulturaren Komunitatea'-ren*, *EEKK*), kaj prezentis la eŭskan peton pri Interreta domajno al *ICANN*.

Sabate la 15-an de junio la asocio *Puntueus* organizis gazetaran konferencon en la Akademio de la Eŭska lingvo, *Euskaltzaindia*, en Bilbao. «Ĝuste en tiu ĉi Akademio ni prezentis la projekton kaj anoncis, ke ni respondos al la defio igi la eŭskajn lingvon kaj kulturon videblaj sur Interreto». Kaj sur la retejo de *Puntueus* ni povas legi: «Interreto emfazas la kulturan diversecon, kaj en tiu kadro la eŭskaj lingvo kaj kulturo povus trovi propran teknologian Interretan ŝirmejon: la domajnon -.eus-. (…) Tiu simbolo estos ilo por la antaŭenigo de la lingvo kaj kulturo eŭskaj. Efektive, laŭ ni, la domajno -.eus-, estas rimedo por tutmonda lingva normaligo: Sur la virtuala spaco Interreta, la domajno -.eus- starigas la eŭskan lingvon je la sama nivelo kiel iu ajn alia lingvo. Plie la domajno -.eus- ebligas al la eŭska lingvo antaŭenigon sur Interreto».

Preskaŭ samtempe, la 14-an de junio, ankaŭ Galegio ricevis la rajton uzi -.gal- kiel Interretan domajnonomon. «Temas pri atingo de la tuta socio, kaj ekzemplo de tio kion ni povas realigi ĉiuj kune», deklaris *Manuel González*, la prezidanto de la asocio *PuntoGAL*. La 10-an de junio 2006 estis fondita la asocio, kaj ĝi estis subtenata de universitatoj, de multaj kulturaj, profesiaj, gazetaraj asocioj en Galegio, sed ankaŭ ekstere de elmigrintoj en Usono, Sudameriko kaj Eŭropo. «Hodiaŭ kiam iu ricevas nomon de domajno kiel -.com-, -.org- ktp la plej granda profito ne restas en Galegio, sed male, kiam iu estos registrita kun la Interreta domajno -.gal-, plej multe de la profito restos en Galegio.» klarigis la prezidanto de *PuntoGal*. *Nicole Margot*

El: http://www.lesinrocks.com/2013/05/12/actualite/bzh-le-web-breton-debouche-le-cidre-11394190/; ehttp://www.pointbzh.com/Historique ; http://www.blogseitb.us/basqueboise/2013/06/17/icann-..; http://www.puntogal.org/actualidade/nova.php?id=474&lg=ing; http://www.puntueus.org/fr/;

**Aragono.** La parlamento de Aragono aprobis en majo novan lingvoleĝon, kiu anstataŭas la antaŭan de 2009. La nova leĝo malgrandigas la apogon al la aragona kaj kataluna lingvoj, parolataj respektive en la nordo kaj oriento de Aragono. Tiu ŝanĝo estas konsekvenco de la venko de la Popola Partio en la elektoj de 2011. Kvintesenco de la nova leĝo estas, ke la du minoritataj lingvoj de Aragono ne ricevas siajn nomojn, sed por ili estas uzataj la novbakitaj terminoj “aragona lingvo propra al la pirenea kaj antaŭpirenea areoj” kaj “aragona lingvo propra al la orienta areo”. La nedifino de la lingvoj uzataj en tiu teritorio implicite neas, ke la lingvo uzata en la orienta parto de Aragono estas la kataluna, kaj sekve ebligas la oficialan uzadon de diverĝa oficiala normo (ortografio, vortaro ktp.), celanta dividi la tutecon de la kataluna lingvo, malaltigi la prestiĝon de la minoritataj lingvoj parolataj en Aragono kaj faciligi la hispanlingviĝon de la koncernaj zonoj. Tiudirekte la nova leĝo aparte substrekas la ekziston de diversaj “lingvoformoj” (hisp. “modalidades lingüísticas”), per kio ĝi ŝajnas favori la uzadon de ne pli-malpli unuecaj lingvonormoj por la du koncernaj lingvoj, sed tiun de lokaj dialektaĵoj laŭ la bontrovo de la vilaĝaj aŭtoritatoj. Tiamaniere la Popola Partio en Aragono sekvas la vojon montritan de siaj valenciaj sampartianoj, rilate al la neado de la tuteco de la kataluna lingvo, kaj de siaj balearaj, rilate al la disvastigo de dialektaj formoj en diversaj regionoj, por erodi la atingitan prestiĝon de la kataluna lingvo. Ekzemple, la baleara registaro por la venonta kurso 2013/14 petis la eldonistojn de katalunlingvaj lernolibroj fari malsamajn variantojn jam ne nur por Balearoj disde Katalunio (kion ili jam petis antaŭe), sed eĉ por ĉiu aparta insulo; tamen, ili ne petas la eldonistojn de hispanlingvaj lernolibroj fari malsamajn lernolibrojn specife por Balearoj (aŭ eĉ por ĉiu aparta insulo) por enkonduki tipaĵojn de la hispana parolata surloke cele al konservado de tiu ne malpli grava kultura trezoro. Tre eblas, ke la aragonaj aŭtoritatoj sekvu tian strategion por erodi la norman katalunan lingvon en Aragono kaj eviti, ke ĝi plialtigu sian statuson de nur-parola lingvo en malformalaj kuntekstoj. Entute, la leĝo estas tre grava paŝo malantaŭen por la minoritataj lingvoj de Aragono, kaj aparte por la aragona, kiu pro sia tre malfavora situacio ege bezonas ŝtatan apogon.

*Hèctor Alos i Font*



**- INFORMILO 71**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

## *IKEL EN LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO*

### MEMBRO-KUNVENO

Fine de aprilo ni sendis al la membroj de **IKEL**, ĉu per retpoŝto ĉu per normala poŝto, kunvokon al la membro-kunveno, kiu okazos dum la 98-a Universala Kongreso en Rejkjaviko. Ĉar okazis kelkaj konfuzoj en la adresoj, iuj el vi ne ricevis tiun leteron kaj al vi ni petas pardonon pro tiu malglataĵo. Ni profitas memorigi al vi, ke, se vi ankoraŭ netransdonis al ni vian retadreson, estus tre utile tion fari. Tio simpligus al ni la laboron kaze, ke ni devas informi vin inter la sendoj de ***Etnismo.***

En la kongreslibro la membroj, kiuj partoprenos UK trovos la horon kaj lokon de nia membro-kunveno kaj de la faka kunveno.

**Tagordo:**

1. Bonveno, kontrolo de la voĉrajtaj ĉeestantoj.
2. Akcepto de la tagordo.
3. Elekto de prezidanto, anstataŭigo de kasisto por 2014.
4. Raporto pri la agado de **IKEL**.
5. Financa raporto.
6. Laborplano.
7. Diversaĵoj.

*Alain Favre* anstataŭis nian antaŭan prezidanton *Daniele Vitali,* ekde la jaro 2011, elektita de la estraro. Ĉar ne okazis membro-kunveno ekde tiu epoko la membroj ne havis la okazon ratifi tiun elekton. Tion ni do faros en Rejkjaviko.

### DEMISIO EN LA ESTRARO DE IKEL

La 10-an de aprilo la kasisto de **IKEL**, *Llibert Puig* anoncis sian demision por la fino de la jaro 2013.
Tiu novaĵo tre tristigas nin ĉar *Llibert* apartenis al la fondintoj de nia gazeto, ***Etnismo***, en 1972 kaj kelkajn jarojn poste, en 1978, de **IKEL**.. Ekde la jaro 2003 li okupiĝis pri la presigo kaj sendado de nia revuo kaj fine de 2008 li anstataŭis *Ursula Schnelle-Moritz*, kiel kasisto. Naskiĝinta en decembro 1933, *Llibert*, kiu suferas pri kelkaj sanproblemoj, larĝe meritas ripozon. Ni tie dankas lin por lia longa akompano de **IKEL** kaj lia baza subteno de nia asocio ekde 2003. Ni deziras al li kvietan kaj plenan ripozadon.

**Sed ni devos trovi novan kasiston kaj novan sendoservon. Ĝis nun la estraro havas neniun ideon pri tio kaj atendas viajn proponojn kaj sugestojn por ke IKEL povu plu vivi en 2014 kaj *Etnismo* povu plu aperi.**

### AKTUALA STATO DE IKEL

En kelkaj vortoj ni povas diri, ke la asocio kunigias 77 membrojn. La nuna stato de membroj estas stabila, 11 membroj demisiis, 11 novaj aliĝis.

Nia kapitalo altiĝis fine de 2012 je € 4 155.98. La kotizoj, donacoj kaj vendoj de materialo altiĝis je € 956.66 dum la elspezoj, presoj, sendoj de la revuoj kaj kotizoj altiĝis je €1281.82, tio donis deficiton de € 325.16. Tio signifas, ke **IKEL** daŭre vivas kun deficito.

Ĉiufoje kiam ni havas la okazon prezenti nian asocion kaj la revuon, multaj entuziasmiĝas. Sed ĝiaj perspektivoj estas fragilaj, ĉu pro la financoj ĉu pro la laborfortoj. Kiel jam dirite ni bezonas:

- kasiston,
- sendanton de la revuo, prizorganton de la presado,
  kaj ankaŭ
- fakulon pri informatiko por prizorgi nian retejon,
- laŭlandan peranton por kolekti la kotizojn,
- kunlaboranto(j) por engaĝiĝi en diversaj taskoj, kiel subtenaj agadoj por minoritataj popoloj,

Ni lasas niajn membrojn mediti pri tio kaj sendi al ni siajn eventualajn proponojn.

## *FAKA KUNVENO*

**En la kongreslibro de UK 98 vi ankaŭ trovos la anoncon de Faka Kunveno organizata de IKEL. *Ed Robertson* estos la preleganto kaj ni lasas lin prezenti la temon de sia prelego.**

## KIO OKAZAS EN SKOTLANDO?

**La loĝantoj de Skotlando, lando, kiu de 300 jaroj, apartenas al la t.n. Unuiĝinta Reĝlando, voĉdonos la 18-an de septembro 2014 en referendumo pri sendependiĝo, organizata de la skota registaro, elektita en 2011 far sendependista majoritato.**

**Evidente, tiu referendumo estas rezulto de kreskanta deziro de la skotoj al propra plenrajta registaro, sed kial nun? Kial ĉi tiu kunkulpulo en la Brita Imperio pli emas nun reiri al sia antaŭa statuso de normala sendependa ŝtato? Kio estas Skotlando? Kiuj estas la skotoj? Kial kaj kiel ili fariĝis parto de Unuiĝinta Reĝlando kun Anglio? Kaj kial tiu rolo ne plu plaĉas kiel antaŭe?**

***Ed Robertson*, redaktoro de "Esperanto en Skotlando" kaj subrtenanto de la Jes-kampanjo klopodos skizi la skotojn, iliajn historion, politikon, kulturon kaj lingvojn, por provi respondi la demandon: "Kio okazas en Skotlando?"**

# *Arbreŝaj komunumoj el Kalabrio*


El Vikimedio: *Fiore Silvestro Barbato.*

Loĝantoj el la arbreŝa kvartalo de la kalabra munipo, *Maida*, spektas surplacan spektaklon de sicilia aŭtoro, la *Pighiata*.

"*Vallje*" estas dancoj kaj kantoj de la kalabraj arbreŝoj, kiuj elvokas la epopeajn eventojn travivitajn de la albana heroo, *Gjergi Kastrioti Skandenbeg*. La korusoj estas akompanataj de pluraj instrumentoj. La *vallja* estas dancata sub formo de ĉenoj kaj la arbreŝoj tenas sin permane ligitaj per kolorataj tuketoj. Ili kantas kaj dancas. La *vallja* ĉiam moviĝas, kiel soldata batalanta teamo. La dancoj disvolviĝas en la vilaĝaj stratetoj kaj finiĝas sur la placo de la *vallje*. La subaj fotoj montras *vallje* okazintaj en la kalabra munipo de *Çifti* (itale *Civita).* Ili venas el Vikimedio kaj estis fotitaj de *Fiore Silvestro Barbato.*














